# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

9. Jahrgang Nr. 59/60 Juni–Oktober 1973 60 Pf

## HIMNO DE L'DEMOKRATA MONDJUNULARO

1. Junular' diversgenta,
Revas ni pri la pac' kaj liber'.
En ĉi jar' ŝtormoventa
Luktas ni por feliĉ' sur la ter'.
Aŭdu nin, junularo,
Sur la tero kaj maro,
Ĉiu junaĝa,
Donu la manojn,
Venu al nia vic'!

**Refreno:**

Kantas kanton amikecan junular',
Junular', junular',
Tiun kanton ja ne murdos armilar',
Armilar' armilar'!
Nun tiu kant'
Ripetiĝas en
Tutmondrefren'!
Tiun kanton ja ne murdos armilar',
Armilar', armilar'!

2. Ŝtala tondro milita
Ne foriĝas el nia memor'.
Sango, kune verŝita,
Amikecon sigelis en kor'.
Vi, honestaj anime,
Nin postsekvu sentime!
Popolfeliĉo,
Hela morgaŭo
Estas en nia man'!
Refreno.




3. El la koroj kun ardo
Ni ripetas la ĵuron de jun'.
Nia sankta standardo
De homrajtoj, leviĝu al sun'!
Ree nigra minaco
Fosas tombon al Paco, —
Ĉiu honesta,
Levu proteston
Kontraŭ milita flam'!
Refreno.

*Teksto: L. Oŝanin*
*Muziko: A. Novikov*
*Elrusigis: J. Miŝin*
*K. Gusev*

# La X-a Monda Festivalo de Junularo kaj Studentoj

(28. 7. – 5. 8. 1973 en Berlin, ĉefurbo de GDR)

*Ĝi pasis kun eminenta sukceso, tiu ĝis nun plej granda internacia kontraŭimperiisma manifestacio de la progresiva mondjunularo. Pli ol duona miliono da festivalanoj en miloj da diversaj aranĝoj dum 8 tagoj diskutis, montris sian neŝanceliĝan volon al la firmigo de paco, amuziĝis, dancis, interamikiĝis.*

*Ankaŭ la junaj esperantistoj havis sian parton:*

**Dum la preparo:**

Tre diversmaniere ili partoprenis la preparon al la festivalo. Estis dissendita eksterlanden la bela *broŝuro „Junularo"*, kiu renkontis multe da intereso. Ĝi preskaŭ estas elĉerpita. Oni sinkronizis *koloran filmon pri GDR-junularo* esperantlingven. Multaj junuloj esperantistaj mem aktive preparis aŭ partoprenis hejme plej diversajn festivaliniciatojn. Dudeko da ili apartenis al la GDR-partoprenantaro kaj du, *Rita Krips* kaj *Dro Hans Eichhorn* eĉ al la oficiala GDR-delegitaro milmembra.

Tre aktive sin preparis ankaŭ la *junularaj esperantistaj grupoj* de Tabarz/Friedrichroda kaj Hildburghausen, distriktoj Erfurt kaj Suhl. Ili ellaboris komunan programon kaj ĝin sukcese realigis. I. a. temis pri preparo de kultura programo, kiu estas sukcese montrita en la kadro de diversaj aranĝoj, pri laboradoj en botanika ĝardeno kaj diversaj aliaj iniciatoj. Centra Laborrondo aranĝis *specialan kunsidon* en Karl-Marx-Stadt pritraktanta problemojn de la junulara esperantista laboro. (vd. paĝo 4)

CLR kunlaboris kun la *Internacia Festivala Komitato* prepare al la tuta oficiala „Renkontiĝo de junaj esperantistoj". Tiu kunlaboro ebligis nodi multajn utilajn kontaktojn. Evidentiĝis, ke la aktivado de junaj esperantistoj estas pozitive taksata kaj la okazo de speciala esperantista aranĝo rigardata kiel tute normala kaj ja jam tradicia fenomeno. Cetere, la oficiala festivala delegitaro de GDR kaj ties funkciuloj intertempe scias, kio estas Esperanto. Rita kaj Hans bonege „klerigis" ...

**Dum la Festivalo**

Nu — eble oni atendis pli multe da eksterlandaj esperantistoj. Tamen, la 2-an de aŭgusto 1973 en bele ornamita salono renkontiĝis *23 eksterlandaj esperantistoj* (Bulgario, ĈSSR, Egiptio, Federacia Respubliko Germanio, Grandbritio, Hungario, Italio, Libanono, Soveta Unio) kaj 21 el GDR. Estas substrekinde, ke senpage partoprenis la festivalon *oficiala delegitaro de TEJO*, konsistinta el la prezidinto de TEJO (1971–1973) kaj nuna honora prezidanto *Dro Renato Corsetti (Italio)* kaj membro de la TEJO-komitato *Hans-Dieter Platz (FRG)*. Post enkondukaj vortoj de *Dro Eichhorn* ekestis diskuto pri la rolo de junaj esperantistoj en la kontraŭimperiisma junulara monda movado. *Gerda Lapoehn* kun gitaristo prezentis mallongan kulturprogramon. Kun 40 minuta esperante sinkronizita kolora filmo „Hieraŭ ni ankoraŭ estis infanoj" (pri junularo de GDR) la aranĝo finiĝis, sed ne la amikaj kontaktoj noditaj dum tiu kunveno.

# Pri junulara laboro

La diskuto pri la junulara laboro esperantista, kiu okazis en la kadro de CLR-konferenco, la 16-an de junio 1973 en Karl-Marx-Stadt, estis vere ĝojige freŝa kaj konstrua. Ne eblas redoni ĉiujn kontribuojn, sed la dudeko da diskutkontribuoj — kaj la tempo tute ne sufiĉis — montris, ke ja kreskadas nova generacio de aktivemaj junaj esperantistoj. Ni provas iom resumi la multajn valorajn instigojn donitajn dum la diskuto. Klare videbliĝis, ke junulara laboro ne povas esti nur afero de junuloj mem aŭ de tiu unu bedaŭrinda „reprezentanto por junulara laboro" en la gvidantaroj. Pri la junulara laboro devas interesiĝi la *tuta* gvidantaro. Tamen, la junularan laboron precipe faru la junuloj, por ke ĝi ja restu junulara.

Precipe *gravas trovi subtenantojn*, partnerojn. Bonajn rezultojn oni atingis en Friedrichroda. La gvidprincipoj por la esperantista laboro en GDR i. a. estis dissenditaj al ĉiuj lernejoj kaj estraroj de Libera Germana Junularo. Do oni konatiĝis kun la celoj kaj taskoj de esperantistoj de GDR kaj multe pli serioze rigardis Esperanton ol antaŭe kaj donis konsiderindan subtenon. Eĉ eblis prezenti kelkfoje kulturprogramon (germanaj kaj esperantaj kanzonoj, koncizaj trafaj politikaj tekstoj, informoj pri Esperanto) en sindikataj kulturaranĝoj, i. a. en Suhl antaŭ 120 spektantoj. La enspezita mono estis oferita por la Monda Festivalo. La junularaj grupoj de Tabarz/Friedrichroda kaj Hildburghausen tamen ne forgesis, ke ili estas *membroj de Kulturligo* kaj partoprenis i. a. konstruon de botanika ĝardeno, tiel subtenante aferon apartenantan al la naturamikoj.

Certe, ofte mankas *necesaj financoj* kaj junuloj ĝenerale ne havas multe da mono. Tial necesas *sufiĉe frue plani* bone motivitajn aranĝojn kaj la necesan monon por la ĝenerala jarplano de Kulturligo. Kiel montras jarfinaj analizoj, nur malmultaj distrikoj foruzas la enplanitan por Esperanto-agado monon.

Speciale grava estas la *kunlaboro de diversaj junularaj grupoj* sur distrikta aŭ eĉ interdistrikta ebeno. Oni havos multe da kontaktoj, ne estas nur „kelkaj perditaj floroj", kaj komunastreĉe oni pli multe atingos. Kaj tute speciale gravas ĉe ĉio, ke junaj, eble lingve tute ne spertaj aŭ eĉ malbonaj esperantistoj *ricevu klare difinitajn kaj plenumeblajn taskojn.* Tio ilin kuraĝigos.

Ekzistas multaj ankoraŭ ne tro multe uzitaj eblecoj de junulara agado. Ekzemple en *pionirgrupoj la „Kluboj de internacia amikeco"* krom la rusa kaj angla lingvo povus tute bone uzi ankaŭ Esperanton. Necesas substreki tiun „krom". Serioza, nealtrudema laboro baldaŭ montros, per kiu lingvo oni havos bonajn rezultojn. Korespondado, ekspozicioj kaj eĉ vojaĝoj najbarlanden tiam eblas. Tamen antaŭ ol fari *internacian infaninterŝanĝon* — tion montras la spertoj ekzemple en la distrikto Schwerin

– necesas certiĝi pri la lingva nivelo de la interŝanĝotaj infanoj (ambaŭflanke), kaj bone prepari kaj gvidi la programojn. Alikaze nur seniluziiĝoj estos la rezulto.

Alia junulara agadkampo estas la *uzinoj, fabrikoj, diversaj entreprenoj*, kie laboras junaj laboristoj kaj profesilernantoj. Kaj per uzina gazeto, murgazeto, fabrika radio, prelegoj aŭ personaj interparoloj eblas kolekti interesulojn kaj organizi esperantoklubojn en la fabriko. Eĉ eblas enigi la esperantistan agadon en la kulturklerigan programon de la uzino. Tio ankaŭ povas havi positivan financan flankon.

Simila validas por la ĝis nun tute ne „eltrovitaj" internulejoj (Internate) kaj loĝdomoj de profesilerantoj. Kaj kiam ni havos funkciantajn *studentajn grupojn?* En Berlin oni faris komencon (kp. paĝo 40/41), kiu sekvos en aliaj altlernejoj? Vere, ni bezonas junajn esperantisto-studentojn. Polaj studentoj havas tre grandan intereson pri kunlaboro. Sed kiel efektivigi tion, se ni ne havas studentojn?

Jen, nur kelkaj problemoj surtabligitaj dum la diskuto en Karl-Marx-Stadt.

Viaj sugestoj kaj spertoj estas bonvenaj, bv. kundiskuti!

---

**Kunsido de Centra Laborrondo**

La dua laŭvica kunsido de CLR okazis la 16-an de junio 1973 en Karl-Marx-Stadt en la ĉeestro de *d-ro Uhlig,* prezidanto de la distrikta organizaĵo de Kulturligo kaj *d-ro Fiedler,* 1-a sekretario. La kunsido precipe traktis la rezultojn de la *kunsido de reprezentantoj de esperanto-organizaĵoj de socialismaj landoj* en Budapest (marto 1973) kaj diversajn raportojn. Speciale menciindas la en *perfekta Esperanto* prezentita alparolo de d-ro Uhlig, kiu elvokis grandan ĝojan surprizon.

Posttagmeze CLR daŭrigis sian laboron kun speciale invititaj *reprezentantoj de junularaj grupoj* kaj junaj aktivuloj. Post enkondukaj vortoj de la *prezidanto de CLR* kaj *premiigo* de *Elise Hempel, Rudolf Burmeister, Dietrich Meusel Rolf Bethke* kaj *Wilfried Hofmann* pro bonega porjunulara aktivado sekvis konciza pritakso de la stato de la junularo agado esperantista en GDR de *Detlev Blanke,* kaj de *Dro Hans Eichhorn* informoj pri la X-a Monda Festivalo.

La sekvanta vere freŝa kaj fekunda diskuto efikos esperebla laborige kaj plijunige je multaj grupoj. Speciale menciinda estas kulturprogrameto prezentita de la junularaj Esperanto-grupoj el Tabarz/Friedrichroda kaj Hildburghausen. La plej juna „kulturaganto" estis 10 jara. La aplaŭdo estis merita kaj pro la iniciato kaj pro la prezento. Vespero ĉe tendara fajro, kun originala hungara gulaŝo, sukcese preparita de Rudolf Burmeister, en ekstreme granda kaldrono kaj rostitaj kolbasoj biero k. t. p. estis tre ĝoja laŭjunulara fino.

# 58-a Universala Kongreso

La *58-a Universala Kongreso de Esperanto* okazis de 28-a de julio ĝis 4-a aŭgusto 1973 en Belgrado, la ĉefurbo de Socialisma Federacia Respubliko Jugoslavio. La *honora protektanto* de la kongreso estis la *ŝtatestro de Jugoslavio, Josip Broz Tito.* Krome en la *honora komitato* i. a. enestis la *jugoslavia ĉefministro,* la *prezidanto de la ĉefa ĉambro de la Federacia Parlamento,* la *prezidanto de la Federacia Konferenco de la Socialista Unuiĝo,* la *ĉefurbestro de Beograd* kaj aliaj eminentaj jugoslaviaj politikistoj kaj kulturagantoj. Inter la *1600 esperantistoj el 43 landoj* ankaŭ estis dumembra oficiala delegitaro de Centra Laborrondo, nome ĝia *prezidanto Rudi Graetz* kaj ĝia *sekretario Detlev Blanke.*
La *inaŭguron* de la kongreso partoprenis *diplomatoj* el 21 landoj, inter ili ankaŭ la ambasadaj reprezentantoj el Soveta Unio, Bulgario, ČSSR, GDR, Hungario kaj Pollando.
En la nomo de la esperantistoj de GDR, organizitaj en Kulturligo, la kongreson salutis Rudi Graetz.
La programo ankaŭ ĉifoje estis tre plena. Pli ol *70 aranĝoj* plej diverspecaj dum 1 semajno, plejparte en la Domo de la Sindikato en la centro de la urbo. Dum la tradiciaj *kunsidoj de la UEA-Komitato* estis akceptitaj gravaj dokumentoj, i. a. dokumento pri la *rilatoj inter TEJO kaj UEA kaj nova baza laborplano,* kiu donus, se restante valida, al UEA pli da elasteco kaj efikeco en internacia laboro. En *publika debato* estis pritraktita la temoj: *„Lingva egalrajteco en teorio kaj praktiko“,* dum kiu i. a. profesoro *d-ro Sevak,* Jerevan, tre konvinke prezentis la leninan nacian politikon de samrajteco de la multaj lingvoj en Soveta Unio.
En la *ĝenerala konferenco* UEA diskutis la rolon de la lokaj grupoj kaj substrekis ties gravecon. Krom tio estis multaj fakkunvenoj, i. a. de la *instruistoj, sciencistoj, medicinistoj, fervojistoj, filologoj* („Pri artefariteco en naturaj kaj planitaj lingvoj“), *juristoj, matematikistoj, militrezistantoj, muzikistoj, poŝtistoj, turistoj* k. t. p., k. t. p.
Interesan programon ankaŭ ĉijare ofertis la *Internacia Somera Universitato* („Evoluo de la internacia juro pri la maro“, „Oro kaj alkoholo en la kosmo“, „Ekonomieco de transporto de varoj en konteneroj“, „Glitivaj mikroboj“, „la fotogrametrio kaj ĝia aplikado“, „Internacia komerco kaj valutoj“, „Modeleksperimentoj kiel modernaj helpiloj de la hidroteknika planado“ k. a.). Tiuj prelegoj de kvalifikitaj specialistoj montris la taŭgecon de Esperanto por fakaj problemoj.
Kompreneble la kongreso ne povis ignori la en Eŭropo eventanta proceso al politika malstreĉiĝo, kiu ja ankaŭ havas eminentan, ja decidan signifon por la apliko de internacia lingvo. Tial jam en la *festparolado* de d-ro John Wells estis substrekita tiu pozitiva evoluo. En la *kongresrezolucio* pri tio tekstas *„la 58-a Universala Kongreso de Esperanto ... konstatas, ke la rezultoj de la Eŭropa Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro okazinta en Helsinki komence de junio 1973 signas plian paŝon al politika malstreĉiĝo en Eŭropo kaj donas esperon de pli intensa ekonomia kunlaboro kaj kultura interŝanĝo.“*
Unu el la elstare gravaj aranĝoj estis la *publika kunveno de MEM,* kiun partoprenis ankaŭ dupersona delegitaro de *Vjetnamia Pacdefenda Esperantista Asocio (VPEA),* kun kiu la GDR-delegitaro havis tre amikan renkontiĝon. Post enkondukaj vortoj de la prezidanto de MEM, *Nikola Aleksiev,* kaj diversaj diskutkontribuoj, i. a. de *s-ro Kurita* el Japanio pri la solidareco de japanaj esperantistoj al la vjetnamia popolo, la ĝenerala sekretario de VPEA *Dao Anhka* dankis al MEM pro la grava

# „Junularo kaj hom-medio„

Jen la sendube interesa kaj grava temo, kiun pritraktis la 310 junaj esperantistoj el 33 landoj, kiuj kongresis de 21–27. 7. 1973 en Sarajevo/Jugoslavio. Ĝi estis la *29-a TEJO Kongreso* kaj ĝi certe apartenos al la plej bone organizitaj kaj plej interesaj kvankam oni devis multe labori aŭ eble ĝuste tial. La jugoslavaj preparintoj de ĉi-tiu kongreso vere multon faris. Tial kaj pro la enhavo kaj pro la organiza flanko ĝi estis vere tre sukcesa. La seriozeco de la preparo kaj aranĝo de la kongreso evidentiĝas ankaŭ el la fakto, ke patronis ĝin la *parlamenta prezidanto* de la jugoslavia respubliko Bosnio kaj Hercegovino, *Hamidja Pozderac.*
Kaj preparis kaj partoprenis la kongreson multaj sociaj organizaĵoj kaj entreprenoj, kio ankaŭ estas tute nova por TEJO-kongreso.
El *Germana Demokratia Respubliko* la kongreson partoprenis la vicprezidanto de TEJO, *D-ro Hans Eichhorn* kaj la membroj de la TEJO-komitato *Ingrid Schödl kaj Jürgen Hamann,* ĉiuj tri estas aktivaj membroj de Centra Laborrondo Esperanto de GDR.
La kongresanoj loĝis en komforta hotelo „Indeks", kie ankaŭ okazis la plej multaj aranĝoj.
Plenplena estis la kongresa programo. Jam la kongresa temo ampleksis 14 subtemojn, kiuj estis aparte diskutitaj en pli malpli grandaj diskutrondoj. Jen la subtemoj: *Aer-malpuriĝoj; Malpuriĝo de akvoj; Analfabeteco kaj klerigado; Malsato kaj manko de nutraĵoj; Fizika detruado de la homa ĉirkaŭaĵo; Ekspluatado de la nutraj riĉaĵoj — ĝis kiuj limoj? Ĉu militoj kaj armigado servas al la estontaj generacioj? Demografia eksplodo — ĝis kiuj limoj? Ĉu la nuntempa urboplanado adekvatas? Teknologio en la agreso kontraŭ naturo Fremdiĝo de juna homo en la moderna urba medio, problemoj de etnaj minoritatoj en la junulara medio, lingvo kaj la hom-medio, la rolo de Internacia Lingvo en la movado por la hom-medio.* Do nombrego da subtemoj, el kiuj ĉiu opa jam laborigus tutsemajnan kongreson. Tial la pritraktoj nur povis tuŝi kelkajn aspektojn. Tamen substrekindas, ke la kongresanoj konsciiĝis, ke la problemoj de la hommedia gardo ne nur estas teknikaj-organizaj, sed unuavice de socia karaktero. Oni interkonsentis, *ke la konservo de hommedio, servanta al homo, postulas la aplikon de la principoj de paca kunkzistado inter ŝtatoj kun diverssociaj sistemoj.*
5 montritaj filmoj de Unuiĝintaj Nacioj kaj la preparitaj por la subtemoj enkondukaj tezoj bone servis al la diskutoj. Certe ankaŭ la ekzempleroj de *GDR-Paco* (i. a. enhavanta ampleksan artikolon pri hommedia gardo kaj malarmado) estis bonvena subteno.

---

(resto de pĝ. 5)
solidareco kaj subteno al la lukto de la vjetnama popolo kaj la nuna rekonstruo. Bedaŭrinde dum la prezento de la stato de plenumo de la parizaj kontraktoj, la vjetnama reprezentanto de kelkaj malĝentiluloj estis interrompitaj. Tamen la aŭskultantaro post tio eĉ pli forte esprimis sian simpation por la heroa vjetnama popolo. Estis akceptita rezolucio (vd. paĝo 9) kun 5 kontraŭvoĉoj. La GDR-delegitaro havis multajn amikajn kontaktojn.
La GDR-eldono de „Paco" 1973, la prospekto pri la aperonta en Esperanto romano „Nuda inter lupoj" kaj aliaj presaĵoj trovis grandan intereson. Kompreneble oni devus mencii ankoraŭ multajn aliajn interesajn aranĝojn, i. a. la *teatrajn vesperojn* kaj belartajn konkursojn sed bedaŭrinde la spaco ne sufiĉas.
Entute la kongreso estis sukcesa kaj rezultoriĉa. *D. B.*

# Pri la VI-a Generala Konferenco de MEM

Ekstere de Universala Kongreso Mondpaca Esperantista Movado (MEM) okazigis sian *VI-an ĝeneralan konferencon*, ĝuste en la 20-jaro de ĝia ekzisto. Partoprenis tiun gravan konferencon MEM-funkciuloj el 11 landoj. La tre ampleksa raporto de la ĝenerala sekretario de MEM, *Tomaŝ Balda*, donas multajn pozitivajn atingojn de MEM dum la raportitaj lastaj tri jaroj. Speciale MEM povis nodi konsiderinde bonajn rilatojn al la *Tutmonda Packonsilantaro.* La konferenco akceptis la raporton kaj decidis rezolucion pri la taskoj estontaj (vidu pĝ. 8). Estis ankaŭ decidite, ke „Paco" ek de 1974 tute regule aperados 6foje jare en Bulgario, kio certe stabiligos finfine nian revuon. Krom tio diversaj landaj sekcioj de MEM senpage liveros laŭokazajn landajn numerojn (kiel la ĝisnunaj). Unuafoje estas distingitaj aktivuloj de MEM kun speciale kreita honorinsigno. El GDR ili estas *Rudi Graetz, Helmut Fuchs kaj Detlev Blanke.* La konferenco ankaŭ bontrovis la kunagadon de MEM en la preparaj laboroj por la *Monda Packongreso en Moskvo,* kiun ankaŭ partoprenos reprezenta delegitaro.
La konferenco speciale estas stampita de la ĉeesto de *oficiala delegitaro de Vjetnamia Pacdefenda Esperanto-Asocio,* kiu per varmaj vortoj dankis al MEM pro la solidara subteno. La raporto de *Dao Anh Kha* estis varme aplaŭdita kaj akceptitaj rezolucio „por efektiva kaj daŭra paco en Vjetnamio kaj Hindoĉinio" kaj „deklaracio pri la problemo de l'politikaj malliberuloj en Suda Vjetnamio".
La *novelektita estraro* konsistas el jenaj personoj:
*Prezidanto:* Nikola Aleksiev (Bulgario); *vicprezidantoj:* Karl Kvist (Svedio); S. N. Podkaminer (Sovetunio); *ĝenerala sekretario:* Tomas Balda (ĈSSR); *sekretarioj:* Hideo Kumaki (Japanio); d-rino Magda Saturova (ĈSSR); *centra redaktoro:* William Gilbert (Francio); *centra administranto:* Boris Popov (Bulgario); *kasistino:* s-rino Germaine Roux (Francio), Membroj de la *Internacia Komitato de MEM* el GDR fariĝis *Rudi Graetz, Hella Sauerbrey* (Kultura komisiono), *Ludwig Schödl, Jürgen Hamann* (Junulara komisiono), *Helmut Fuchs* kaj *Detlev Blanke* (ambaŭ Eldonpropaganda komisiono). Membro de la centra redakta komitato krome fariĝis Detlev Blanke.
La VI-a Konferenco donis novajn taskojn, la esperantistoj de GDR donos sian parton por ilin realigi.

---

(resto de pĝ. 6)
Kompreneble oni ne nur diskutegis pri la kongrestemo.
*3 teatraj vesperoj, urbopromenoj* (dumtagaj kaj noktaj), *baloj, folklora vespero, tuttagaj ekskursoj kaj la vizito de diversaj entreprenoj kaj fabrikoj* konsistigis la vere interesan programon. Speciale la multaj renkontiĝoj kun jugoslavaj fabrikoj kaj neesperantista junularo estis interesa trajto de ĉi-tiu kongreso.
En la novan estraron de TEJO denove eniris Dro Eichhorn kiel vicprezidanto. Prezidanto (aŭ-ino) fariĝis la ĝisnuna ĝenerala sekretariino D-ino Flora Szabo-Felsö, Hungario. Ĝenerala sekretariino estas René Triolle, Francio. Plue apartenas al la estraro Tomas Jansson/Svedio (vicprezidanto) kaj kiel membroj Claude Nourmont, Jean-Marie Liouville-Cesh (ambaŭ Francio), Ulrich Brandenbrug/FRG, Hadźihasanović Miralem/Jugosl. kaj Silvio Stoppolino/Italio. Dro Renato Corsetti fariĝis, plenmerite, honora prezidanto. La sekvonta kongreso okazos 1974 en Münster/FRG.

## Rezolucio de la sesa ĝenerala MEM-Konferenco

La sesa Ĝenerala Konferenco de Mondpaca Esperantista Movado okazas en tre grava momento de la moderna historio de l'homaro.
Jam klare reliefiĝas periodo de kunlaborado inter ŝtatoj kun malsamaj sociordoj, precipe inter Sovetunio kaj Usono, GFR, Francio k. a.
En la novaj historiaj cirkonstancoj por la pacmovado, inkluzive MEM, elstaras novaj taskoj: disvolvadi tiajn aktivecojn, kiuj helpas al integriĝo de laŭeble ĉiuj pacmovadoj cele al plifortigo de la tendenco de interŝtata ekonomia kaj kultura kunlaborado kaj konsolidigo de la sekureco sur nia planedo, por ke la atingitaj ĝis nun rezultoj plikresku kaj fariĝu neebla la reveno al malnova streĉeco en la internaciaj rilatoj.
Speciale por MEM, la momento de la kunvoko de la Sesa Generala Konferenco koincidas kun rimarkinda fakto de la esperantista porpaca batalo — la 20-jara jubileo de Mondpaca esperantista movado 1953—1973.
Dum tio 20-jara periodo MEM plenumadis tre pozitivan rolon en la medioj de la internacia esperantista movado: ĝi koncentrigis la fortojn de la esperantistoj-pacbatalantoj, edukis sian anaron kaj la tutan esperantistaron al aktiva partopreno en la porpaca agado kiel de esperantistaj, tiel ankaŭ de neesperantistaj porpacaj movadoj kaj organizaĵoj.
Sur tiu kampo estis atingitaj certaj konsiderindaj rezultoj, kiuj ankoraŭfoje pruvas la klarvidebecon de la pioniroj kaj fondintoj de MEM en la periodo de plej intensa „malvarma" milito — la fruaj kvindekaj jaroj de nia jarcento. La prestigo de la esperantistaro antaŭ la progresema neeesperantista pacmovado estis savita nome de MEM. Tio povus esti pli bone komprenita, se oni prezentus al si la internacian Esperanto-movadon sen la ekzisto de MEM: ja neniu elstara internacia Esperanto-organizaĵo estus aperinta sur la fronto de la aktiva pacbatalo kaj tio estus kaŭzinta al la esperantistaro grandan moralan domaĝon. La kreiĝo kaj la agado de MEM savis la prestigon de la tuta esperantista movado.
La senbrua, sed persista agado de MEM-anoj rezultigis la aprezon de MEM flanke de gravaj kaj influhavaj mondaj porpacaj organizaĵoj kaj movadoj, frunte kun la Tutmonda Packonsilantaro: MEM estis akceptita en ĝi per sia reprezentanto.
La realigitaj de MEM sukcesoj en daŭro de la raportita periodo 1970—1973 povus esti sendispute pli signifaj, se ni estus superintaj gravajn mankojn en nia ĉiuflanka laboro, precipe en la organiza kaj propaganda sferoj.
La Sesa Ĝenerala Konferenco, turnante la atenton de MEM-anoj al la plej perspektivaj taskoj,

**DECIDAS:**

1. *Fari klopodojn altiri al aktiva partopreno en pacaktivecoj aliajn esperantajn porpacajn kaj ne propre-porpacajn Esperanto-organizaĵojn, kiuj konsentas kunlabori kun la pacamaj fortoj en la mondo por plia konsolidigo de la internacia paco kaj sekureco.*
2. *Utiligi sian presorganon „Paco" kiel tribunon por grupigo de ĉiuj esperantistoj, subtenantaj la gvidlinion de la tutmonda pacmovado sub la sloganoj de la Tutmonda kongreso de la pacamaj fortoj en Moskvo.*
3. *Partopreni en la laboro de la menciita internacia pacforumo per delegitaro de MEM.*

# DEKLARO

*Ni, partoprenantoj en la publika MEM-kunveno, okazinta en Beogrado en la tagoj de la 58-a Universala Kongreso de Esperanto, post la prelego de la prezidanto de MEM aprobis la jenan*

**DEKLARON:**

1. La esperantistaro elkore bonvenigas la novekreitan internacian atmosferon de forigo de la kunfrontiĝo kaj alpaŝo al vasta kaj daŭra kunlaborado inter ŝtatoj kun malsamaj sociaj sistemoj.
   Ni donos nian helpon en la formiĝo de tiu favora por la paco tendenco.
2. Ni subtenas la ideon kaj la praktikan laboron pri kunvoko en Moskvo dum oktobro ĉi-jare de Tutmonda kongreso de la pacamaj fortoj.
   Ni konsentas kaj trovas bonŝanca la partoprenon de respondeca reprezentanto de MEM en la ĝisnunaj preparlaboroj kaj aprobas la partoprenon de MEM-delegitaro en la laboro de la Kongreso en Moskvo.
3. Ni gratulas MEM kun ĝia 20-jara jubileo kaj bondeziras al ĝi ankoraŭ pli fruktodonan agadon en la sekvanta periodo por doni sian kontribuon en la solvado de gravaj antaŭstarantaj taskoj, nome:
   a) strikta apliko de la Pariza akordo pri Vjetnamio flanke de la Sajgona administracio kaj Usono;
   b) nuligo de la militminaco en Mezoriento surbaze de la rezolucioj de **Unuiĝintaj Nacioj.**

*Beogrado, 31-a julio 1973* — *Por la Kunvenintoj:*
*Bela Bercelli, prezidanto*

---

4. *Aktivigi tiujn landajn sekciojn kaj perantojn de MEM, kiuj nekontentige plenumas siajn bazajn taskojn aŭ ĉesis labori.*
5. *Krei kondiĉojn por starigi landajn sekciojn aŭ perantojn tie, kie ili mankas.*
6. *Kompletigi la Eldon-propagandan komisionon per aktivuloj kun fakaj spertoj pri propagando, metodiko kaj novtempaj formoj de agitado. Utiligi pli sisteme „La Pacaktivulo"-n kiel gvidilon por landaj sekcioj kaj perantoj de MEM.*
7. *Ligi kaj firmigi kontaktojn de landaj MEM-sekcioj kun la koncernaj landaj pacdefendaj komitatoj kaj movadoj, surbaze de la ĝisnuna sperto de aktivaj MEM-sekcioj, turnante specialan atenton al la junularo.*
8. *Reguligi la eldonadon de „Paco" kiel centra organo de MEM, aperanta en unu lando, krei laborkapablajn landajn redakciajn komisionojn kiel por sistema kunlaborado al „Paco", tiel ankaŭ por laŭebla eldonado de landaj senpagaj numeroj de „Paco" kiel organoj de la koncernaj MEM-sekcioj, varbi abonantojn de „Paco" tie, kie ili ne estas sufiĉaj.*

---

**La Konferenco esprimas firman esperon, ke per energia laboro en la spirito de la menciitaj taskoj la Internacia Komitato de MEM, kun la aktiva helpo de landaj sekcioj kaj perantoj en konstanta kunlaboro kun MEM-anoj, registros novajn sukcesojn kaj pligrandigos la kontribuon de la esperantistaro en la batalo por daŭra paco, progreso kaj feliĉo de la homaro.**

*Beogrado, 1. VIII. 1973* — *Por la VI. Ĝenerala Konferenco de MEM*
*La prezidantaro*

*Prof. Dr. Viktor Falkenhahn, Humboldt-Universität Berlin*

# Zur Frage einer Welthilfssprache
# Ein Vergleich der Lerneinheiten im Deutschen und im Esperanto

## 1. Vielsprachigkeit hemmt die Entwicklung der Produktivkräfte

Niemand bestreitet, daß seit den Uranfängen der Menschheit die Sprache eine unabdingbare Voraussetzung für jedes kompliziertere kollektive Handeln war, daß gerade sie zu allen Zeiten eine unerläßliche Vorbedingung für jeden Fortschritt in Kultur und Zivilisation gewesen ist. *Man kann ebensowenig leugnen, daß infolge der enormen Vielsprachigkeit der Menschheit ein kollektives Wirken bei der Lösung wichtiger internationaler Fragen über die einzelnen Sprachgrenzen hinaus sehr erschwert wird.* Hierdurch erleiden die schöpferischen Kräfte der gesamten Menschheit eine besorgniserregende Verringerung ihrer an sich möglichen Potenzen: *70 % aller Erfindungen müssen nachweislich mehrfach gemacht werden,* weil die einzelnen Praktiker und Theoretiker, Ingenieure und Gelehrten nicht in der Lage sind, alle in verschiedenen Sprachen dargestellten Erkenntnisse zu nutzen, und diese Wissenschaftler durch den Zwang, mehrere Sprachen lernen zu müssen, wertvollste Zeit für ihre schöpferische Arbeit verlieren.[1])

Bei der Suche nach einem Ausweg aus dieser Situation, in der sich die Menschheit in immer stärkerem Maße befindet, wird oft die *Einführung einer Sprache* vorgeschlagen, die als zweite, aber für alle die gleiche neben der Muttersprache selbst funktionieren würde, und die internationale sprachliche Verständigung erleichtern sollte. Diese Sprache würde dann nicht nur für die Touristik, für Handel und Verkehr eine unerhörte Erleichterung bedeuten, sondern überhaupt der *schnelleren Entwicklung der Produktivkräfte* dienen. Wenn z. B. alle wissenschaftlichen und technischen Erkenntnisse in dieser Sprache beschrieben und dargestellt würden, könnten die Ingenieure und Wissenschaftler der gesamten Menschheit viele Jahre ihres Lebens zusätzlich für die schöpferische Arbeit in ihrem Fach benutzen, die sie sonst für das Erlernen verschiedener Sprachen benötigten, da sie es dann ja bei der Verfolgung der Forschung nur mit einer Sprache zu tun hätten.

## 2. Die Suche nach einem Ausweg aus der Vielsprachigkeit

Bei der Diskussion über diejenige Sprache, die zu dem angegebenen Zweck eingeführt werden könnte, werden Sprachen von zweierlei Art vorgeschlagen:

1. *eine der weit verbreiteten Nationalsprachen, wie das vor allem das Englische, Französische, Russische, Deutsche, Spanische ist;*
2. *eine bewußt geschaffene, sog. Plansprache, wie die apriorischen, z. B. Ro, und wie die aposteriorischen, z. B. Esperanto, Ido.*[2])

Da eine solche internationale Sprache ein offenes System darstellen müßte, um sich jeder kulturellen Entwicklung und jedem Fortschritt der ge-

samten Menschheit anpassen zu können, kommen *apriorische Sprachen* mit ihrem starren, geschlossenen System wie z. B. das *Ro* nicht in Frage, so daß nur Nationalsprachen oder *aposteriorische Plansprachen* mit ihren flexiblen offenen Systemen zur Diskussion stehen können. Diese Diskussion müßte aber bald in diesem oder jenem Sinne zu einer Entscheidung führen, denn *der rasante Fortschritt der wissenschaftlichen, technischen und wirtschaftlichen Entwicklung fordert gebieterisch, je weiter desto dringender, eine Lösung.*

### 3. Aus der Diskussion zwischen Befürwortern einer Nationalsprache und Verfechtern einer aposteriorischen Plansprache

3.1. Fürsprecher einer Nationalsprache bringen vor, *eine vom Menschen ausgeklügelte Sprache könne nie das leisten, was eine durch die Jahrtausende „natürlich gewachsene“* — sprich: von einem Volke in seiner langen geschichtlichen Entwicklung fast ausschließlich gefühlsmäßig geschaffene — *Sprache leisten kann.* Verfechter einer Plansprache dagegen trauen dem rationalen menschlichen Ingenium zu, auch in einem der schwerwiegendsten Probleme der Menschheit, in der Sprachenfrage, durch rationelle Planung Ebenbürtiges oder gar Besseres hervorzubringen, als es das „natürlich Gewachsene“ ist, wie es diesem Ingenium, besonders unter den Bedingungen des Sozialismus, bereits gelungen ist, in Natur und Gesellschaft höhere Formen als die „natürlich gewachsenen“ herbeizuführen. Dazu gehören u. a. die Überwindung der Ausbeutung des Menschen durch den Menschen, die Überwindung der Schwerkraft zur Erforschung anderer Himmelskörper, die Verlegung von Flüssen, die Verwandlung von Wüsten in fruchttragende Gebiete usw. Im übrigen erinnerten die theoretischen Argumente gegen eine von der menschlichen Ratio geschaffene Sprache an jene Theoretiker, die schon öfter in der Vergangenheit mit theoretischen, angeblich wissenschaftlichen Begründungen irgendwelche Unmöglichkeiten bewiesen haben, so z. B., daß kein Mensch mit der damals projektierten ersten Eisenbahn fahren könne, ohne durch die ungeheure Geschwindigkeit schwerste Schäden an Leib und Seele zu nehmen.

*Marx und Engels brachten übrigens zum Ausdruck, daß die Menschen die bewußte Entwicklung ihrer Sprachen selbst in die Hände nehmen werden.*[3])

3.2. Bezüglich des offenbar *größeren Schwierigkeitsgrades beim Erlernen einer Nationalsprache* wurde von ihren Verfechtern argumentiert, um eine Verständigung zu erreichen, sei es keineswegs nötig, die Sprache völlig zu beherrschen, so würde man z. B. in der SU verstanden, wenn man fälschlicherweise sagte: „я говоримь“ in der DDR *„ich sprichst.“* Vertreter einer Plansprache halten dagegen: Eine Nationalsprache fehlerhaft als allgemeine Verständigungssprache zu sprechen, würde sicher nicht den hohen Anforderungen an die internationale sprachliche Kommunikation genügen. Weiterhin: Wer da glaubt, ein Deutscher würde verstanden, wenn er z. B. zu einem Russen sagen will: *„ich spreche“:* tatsächlich aber sagte: „я говорьм“, der wisse nicht, daß zwar im Deutschen die Personalpronomen wie in diesem Fall das „ich“ ein größeres Gewicht haben als die Personalendungen, daß es aber im Russischen als einer endungsflektierenden Sprache ähnlich wie beim Lateinischen genau

umgekehrt ist. Der angesprochene Russe würde also eher annehmen, der Sinn der Worte sei *„du sprichst“*.

3.3. Zu dem Vorwurf, *eine rationell konstruierte Sprache könne nie Dichtungen wiedergeben oder hervorbringen*, da es sich besonders in der Poesie weitgehend um Gefühlswerte handele, sagen Esperantisten: Was die Literaturfähigkeit des Esperanto betrifft, also seine Leistungsfähigkeit auf dem Gebiete der Übersetzung von Werken der hohen Literatur, und zugleich die Leistungsfähigkeit bei der Schaffung von hochwertigen Originalwerken, so müsse man, wolle man nicht in's Blaue reden, vor einem Urteil sich vergewissern, ob man die bei einer Übersetzung in Frage kommenden Fakten wirklich kennt oder nur verschwommene Vorstellungen von ihnen hat. Man muß z. B. klar erkannt haben, daß es prinzipiell *übersetzbare* und prinzipiell *unübersetzbare* Schichten in einer Sprache gibt, diese klar umreißen und sich in der Diskussion nur auf die übersetzbaren Schichten beschränken. Bei der Feststellung der unübersetzbaren Schichten einer Sprache gäbe es zwei Fakten, die klar erkannt sein müßten:

1. *Der lautliche Eigenklang einer jeden Sprache,*

2. *die heute unlogischen, nur sprachhistorisch erklärbaren Relikte älterer Kulturepochen in der Sprache.*

Zu 1:

Vergegenwärtigt man sich die unbestrittene Tatsache, daß eine Wortform wie ein ganzer Satz aus zwei Komponenten besteht, 1. der phonetisch-phonologischen, gleichsam ihrem lautlich-physischen Klangkörper, der allein schon durch seine vokalischen und konsonantischen Laute bestimmte Empfindungsnuancen assoziiert, und 2. aus der semantischen Komponente, der vorstellungsmäßig-begrifflichen Bedeutung, die neben den primären Begriffen und Vorstellungsbildern wiederum von sich aus bestimmte Gefühle wachruft, so ist klar, daß das Wesen einer vollkommenen totalen Übersetzung eines literarischen Werkes wie etwa des „Faust“ von Goethe, des „Demon“ von Lermontow oder der Lyrik Rilkes darin bestehen müßte, auch die lautliche Komponente der Wörter und Sätze mit den durch sie assoziierten Gefühlsnuancen ebenso vollständig in die andere Sprache zu übertragen wie die semantische, die Bedeutungskomponente mit den durch diese assoziierten Empfindungen. Doch das ist weder dem Esperanto noch einer Nationalsprache möglich, wie folgende Tatsache zeigt: Vergleicht man die Laute des deutschen Wortes „Baum“ mit denen von englisch „tree“ (langes i!), französisch „arbre“, russisch „derewo“, hebräisch „ēz“, peking-chinesisch „schū“ usw. miteinander, so ergibt sich, daß schon die verwendeten Vokale — das „au“ des deutschen Wortes, das „ī“ des englischen, das „ē“ des hebräischen, das „ū“ des chinesischen usw., trotz der gleichen begrifflichen Bedeutung der Wörter in jedem Fall eine andere Gefühlsnuance hervorrufen. Diese Gefühlsdifferenzen erlebt wohl jeder mehr oder weniger bewußt, wenn sie auch nicht jedem klar erfaßbar und beschreibbar sein mögen (siehe hierzu die Wissenschaft der Synästhesie, die sogar Laute mit Farbnuancen vergleicht).

Dieser individuelle Klang der einzelnen Sprachen und die mit ihm verbundenen Gefühlswerte sind nicht übersetzbar, *eine totale Übersetzung*

*kann es also nicht geben.* Ebenso ist bei einer Skulptur in weißem Marmor die im Material beruhende Schönheitskomponente durch keine auch noch so gelungene Kopie z. B. in Bronze wiederzugeben, oder könnte die im Eigenklang der Geige beruhende Komponente der Spezifik eines für Violine geschriebenen Musikwerkes durch ein Klavier wiedergegeben werden.

Zu 2:

Bei dem zweitgenannten Faktum handelt es sich um die heute nur gewohnheitsmäßig tradiierten, im Grunde unverständlichen, z. T. geradezu widersinnigen Formen, Ausnahmen, Unregelmäßigkeiten, Denominalien, Syntagmen, Bedeutungsverschiebungen usw. ,die jede der weitverbreiteten Nationalsprachen in reichem Maße, ja z. T. in Überfülle aufzuweisen hat. Diese Formen usw. sind, wie angedeutet, meist nur durch ein langwieriges Studium der Geschichte der betreffenden Sprache erklärbar. Für den sprachhistorisch nicht geschulten Lernenden sind sie aber wie ein Urwaldgestrüpp, das die gesamte Grammatik und Lexik der von ihm studierten Sprache durchzieht und seine Lernschwierigkeiten ins Unerhörte steigert.

Einsichtsvolle, geschulte, realistisch eingestellte Vertreter einer Plansprache geben zu, daß in einem nationalsprachlichen Text der bunte Wechsel dieser unlogischen, regelwidrigen Relikte der Sprachgeschichte gewisse Reize, gewisse rationell schwer faßbare Gefühlswerte vermittelt, wie sie z. B. das Esperanto in seiner nahezu geschichtslosen rationellen Einfachheit, Regelmäßigkeit und Klarheit nicht haben kann und nicht wiederzugeben vermag. Sie geben zu, daß dem an solche unerwartete Überfülle an Formen, Syntagmen usw. gewöhnten Deutschen das Esperanto in dieser Beziehung als primitiv erscheint. Doch diese im historischen Material der einzelnen Nationalsprachen beruhenden Reize — etwa die in der Sprache Goethes im „Faust" — gehen in einer Esperanto-Übersetzung genauso verloren *wie bei einer Übersetzung in eine jede andere nichtdeutsche Nationalsprache mit einem anderen historisch-unlogisch-regelwidrigen Sprachmaterial,* etwa auch bei einer Übersetzung ins Französische, denn diese historischen Relikte mit ihren Gefühlswerten sind eine unübersetzbare Schicht der Sprache, die eine vollkommene, totale Übersetzung ebenfalls unmöglich macht.

Wie ist es nun aber mit den übersetzbaren Schichten der Sprache, mit der semantischen Komponente der Wörter und Sätze? Hier erwidern erfahrene Esperantisten, diese Frage könne nur die Praxis entscheiden. Jeder, der Esperanto gelernt und seine Original- wie Übersetzungsliteratur verfolgt hätte, wisse, daß es mit seinen *eigenen Mitteln* bezüglich seiner Übersetzungstreue und seiner originellen Ausdruckskraft trotz seiner ihm eigenen spezifischen geschichtslosen Einfachheit und Klarheit es mit jeder Nationalsprache aufnehmen kann, ohne nüchtern, farblos oder gar primitiv zu wirken. Niemand hätte ein Recht, aufgrund irgendwelcher theoretischer Erwägungen den Plansprachen, wie z. B. dem Esperanto, eo ipso künstlerische Qualitäten abzusprechen, nur weil sie von Einzelmenschen in ihren Grundlagen bewußt geschaffen wurden. *Hier könne nur die Praxis entscheiden und nur derjenige ein Urteil fällen, der diese Sprache praktisch durch Erlernen, durch umfangreichere Lektüre und auf Kongressen, die bis zu 5000 Esperantisten aus aller Welt vereinigten, erlebt hat.* Hier hätte die Praxis von 8 Jahrzehnten bereits entschieden. Wer das Esperanto in der angegebenen Weise wirklich erlebt hätte, käme erfahrungsgemäß zu der Überzeugung, daß es als Hilfs-

sprache für Wirtschaft, Technik und Wissenschaft der Menschheit sehr gute Dienste leisten kann, die in mancher Hinsicht Nationalsprachen in der Rolle einer internationalen Sprache nicht zu leisten im Stande sind. Im übrigen: *der Streit um die literarische Eignung des Esperanto zur Wiedergabe literarischer Werke sei zur Zeit keineswegs so vordringlich wie die allgemeine wissenschaftliche Klärung der Frage, ob es geeignet sei, die Menschheit von den hindernden Fesseln der Vielsprachigkeit zu befreien, um die Entwicklung der Produktivkräfte zu beschleunigen und zu potenzieren,*

3.4. Zum Vorwurf, die Esperantisten wollten die lebensvolle, bunte Vielfalt der Menschheit, die in der Vielsprachigkeit gegeben ist, durch das Esperanto auslöschen und an ihre Stelle eine öde, graue Gleichförmigkeit setzen, wird gesagt: *Kein besonnener Vertreter einer Plansprache strebe eine Verdrängung irgendeiner der über 2000 Nationalsprachen an,* von denen jede für bestimmte Menschen Muttersprache ist. Es geht darum, auch neben der Muttersprache, die wohl für jeden Menschen ein kostbares Gut ist, eine globale Hilfssprache zu vermitteln. Auch sonst: Wer Dostojewski studieren und bis in alle Feinheiten des Einklanges der Sprache und ihre historischen Besonderheiten genießen und anderen Menschen nahebringen will, müsse selbstverständlich nach wie vor ein Jahrzehnt seines Lebens Russisch lernen, ebenso, wer den Faust wissenschaftlich-philosophisch ergründen und propagieren möchte, hat sich ein Jahrzehnt zumindest mit dem Deutschen zu beschäftigen.

3.5. Verfechter einer Nationalsprache sagen, wenn z. B. das *Englische als internatonale Verständigungssprache* eingeführt würde, so brauche ein großer Teil der Menschheit diese Sprache nicht mehr zu erlernen, sondern nur noch die übrige Menschheit. Vertreter einer Plansprache erwidern: Wenn diejenige Nationalsprache eingeführt werden solle, die rein zahlenmäßig von den meisten Menschen gesprochen würde, so müßte dies das Chinesische sein. Wenn das *Chinesische* aber wegen der Schwierigkeit abgelehnt würde, die die Schrift bildet — denn nur diese ist allgemeinchinesisch, während die als „chinesisch" bezeichnete Sprache de facto aus mehreren Sprachen besteht, deren Sprecher sich untereinander zum großen Teil nicht verstehen, — so käme das *Spanische* in Frage. Bezüglich des Englischen wird gewöhnlich übersehen, daß sich diese Sprache auf dem Gebiete der USA in schnellem Tempo zum *„Amerikanischen"* entwickelt, das heute vielfach schon als selbständige Sprache angesehen wird, wofür die Berechtigung im Augenblick vielleicht noch fraglich ist, aber offenbar nicht mehr für lange.

Nun aber zeigt eine tiefere Kenntnis der Faktoren, die hier eine Rolle spielen, daß sich die *Lernschwierigkeiten beim Erlernen z. B. des Esperanto und des Englischen mindestens wie 1 : 40* verhalten. Man würde also durch Einführung des Englischen die Ungerechtigkeit begehen, dem bei weitem größeren Teil der Menschheit die Last aufzubürden, eine Sprache zu lernen, die mindestens vierzigmal soviel Schwierigkeiten bereitet als das Esperanto, um den englisch sprechenden Menschen die verhältnismäßig geringe Mühe zu ersparen, die alle anderen auf sich nehmen, eine Sprache zu erlernen, die vielleicht $^{1}/_{40}$ der Schwierigkeiten ihrer eigenen englischen Sprache bildet.

Es sei auch ein sehr oberflächliches Argument erwähnt, *für Wissenschaftler genüge ja die passive Kenntnis einiger Sprachen,* denn z. B. auf dem

Gebiet der Medizin würden bereits viele Resumés den anderssprachigen wissenschaftlichen Arbeiten angefügt. Ganz abgesehen davon, daß es Resumés in allen verbreiteteren Nationalsprachen wie Spanisch, Italienisch, Russisch usw. gibt, kann einem Wissenschaftler die kurze Zusammenfassung des Resumés nur eine Hilfe, aber kein Ersatz für die Lektüre der Arbeit sein. Er ist also nach wie vor gezwungen, wenn er die Sprache einer Arbeit aus seinem Fachgebiet nicht kennt, sich mit großer Mühe und mit großem Zeitaufwand durch Hilfe Sprachkundiger genauere Kenntnisse von dem Inhalt der Abhandlung zu beschaffen. Doch bestehe für einen Wissenschaftler nicht nur die Notwendigkeit, neue Erkenntnisse anderer rezeptiv aufzunehmen, sondern auch eigene auf Kongressen darzulegen und ihnen im Streitgespräch zur Anerkennung zu verhelfen, wobei gute aktive Sprachkenntnisse von entscheidender Bedeutung sein können. Doch die Aufgabe der allgemeinen Verständigungssprache ist ja nicht nur, den Wissenschaftlern zu dienen, sondern allen Menschen, die daran interessiert sind, eine kulturvolle, fehlerfreie Kommunikation mit Anderssprachigen zu ermöglichen. Vertreter von Plansprachen weisen auch darauf hin, daß z. B. solche „großen" Nationalsprachen, wie das Englische, das Spanische und Französische infolge der kolonialen Wirksamkeit ihrer Sprecher in der Vergangenheit und z. T. noch in der Gegenwart bei vielen Völkern starke Animosität erweckten und daß sie daher evtl. eine neutrale Plansprache vorziehen würden. Auch würden die jungen Nationalstaaten mit der einseitigen Begünstigung ihrer einstigen Kolonialherren durch Einführung ihrer Sprache als globales Verständigungsmittel wohl nicht einverstanden sein.

Weitere Argumente für und wider das Esperanto siehe in dem Aufsatz des Verfassers *„Sprachwissenschaftliche Betrachtungen zur Rolle und Struktur des Esperanto"* in Heft 18/19 „der esperantist" S. 3/11, 17/28. (1968).

## 4. Die wissenschaftliche Ermittlung der Schwierigkeit beim Erlernen einer Sprache

Diese soeben angeführte für die Menschheitsentwicklung so schwerwiegende Frage kann nicht durch allgemeine Reden zugunsten dieser oder jener Ansicht gelöst werden, sondern nur aufgrund *sachlicher wissenschaftlicher Untersuchungen.*

In der Zeit der wissenschaftlich-technischen Revolution besteht oft das Bestreben, den Grad der Wissenschaftlichkeit einer Darstellung daran zu messen, wie es gelungen ist, das Problem exakt mathematisch zu erfassen und durch Feststellung der Anzahl von Elementen und ihrer strukturellen Anordnung zu lösen. Auch im Bereiche der Sprachforschung und ihrer Probleme ist eine solche mathematisierende Forschungsmethode zu beobachten. Ihr wurde besonders durch die Versuche zur Konstruktion von Übersetzungsmaschinen Vorschub geleistet. Es soll daher in diesem Aufsatz der Versuch unternommen werden, das mehrschichtige, strittige Problem: *„Was für eine Art der vorgeschlagenen Sprachen ist bei mindestens gleicher Kommunikationsleistung die günstigste, eine Nationalsprache wie das Deutsche oder eine bewußt geschaffene aposteriorische Plansprache wie das Esperanto"*, wenigstens in einer seiner Schichten durch die mathematisierende Methode zu lösen. Und zwar geht es dabei um den Aspekt der leichteren oder schwereren

Erlernbarkeit. Dabei müßte selbstverständlich als besser geeignet diejenige Sprache angesehen werden, die bei gleicher oder besserer Ausdrucksmöglichkeit am leichtesten zu erlernen ist. Das Deutsche mag hier stellvertretend für das Englische, Französische, Russische usw. zur Untersuchung dienen. Diese Sprachen gehören zu den international am meisten verbreiteten Sprachen und sind prinzipiell von gleichem Typ wie das Deutsche, was unseren Vergleich erleichtert. Das Esperanto soll stellvertretend für andere aposteriorische Plansprachen stehen, weil es im Prinzip von gleichem Bau wie Ido usw. und faktisch die einzige mit international bedeutender Verbreitung ist. Es lassen sich also die im folgenden beim Deutschen festgestellten Tatsachen in etwas abgewandelter Form prinzipiell auch auf die anderen genannten Nationalsprachen übertragen, ebenso die beim Esperanto gefundenen Erkenntnisse auch auf das Ido und andere Plansprachen. Will man den Lernaufwand möglichst mathematisch-rechnerisch erfassen, der beim Erlernen des Deutschen und des Esperanto geleistet werden muß, um einen wissenschaftlich möglichst exakten Vergleich der Lernschwierigkeit durchführen zu können, so bietet sich die Einteilung der genannten Sprachen in grammatischer und lexikalischer Hinsicht in Lerneinheiten an, wie sie sich bereits als Einteilung des Lernstoffes in naturwissenschaftlichen Schulbüchern findet. Dabei ist selbstverständlich zu betonen, daß der Energieaufwand beim Erlernen und Automatisieren von zwei Lerneinheiten selten gleich groß sein wird, ebenso daß der Lernaufwand einer und derselben Lerneinheiten etwa des Deutschen beim Japaner größer sein wird als beim Holländer. Doch die Anzahl der Lerneinheiten selbst bleibt die gleiche, was für diese Untersuchung allein berücksichtigt werden kann. Es sei auch darauf hingewiesen, daß der *Aufwand an Mühe zur Automatisierung der Lerneinheiten schneller wächst als die Anzahl der Einheiten* — ähnlich wie beim Jonglieren mit einer steigenden Zahl von Bällen. (Siehe unten den Abschnitt über Phonologie, Phonetik und Orthographie.)

Es ist nun in diesem Aufsatz infolge der Beschränktheit des Raumes unmöglich, das gesamte zu untersuchende grammatische und lexikalische Material des Deutschen und des Esperanto vorzulegen. Es muß dies einer umfangreicheren, in Arbeit befindlichen Abhandlung vorbehalten bleiben. Es kann hier nur vor allem aufgrund einiger Beispiele die Methode der Untersuchung veranschaulicht und ihre Ergebnisse angegeben werden, wenn letztere auch noch nicht mit endgültiger Präzision geboten werden können. Die Beispiele werden aus den Gebieten der *Phonetik, Phonologie, Orthographie, Deklination, Konjugation, Denomination, Syntagmatik und Bedeutungsverschiebung* genommen. Bei den Paradigmen der Deklination und Konjugation, wo es hauptsächlich um die Feststellung der Formelemente geht, wird durch eine Zahl — wenn nötig — in Klammern, z. B. (7), auf die entsprechende phonetische, phonologische oder orthographische Lerneinheit hingewiesen, um sie hier in der Formenlehre nicht nochmals zu zählen.

## 5. Beispiele zur Zählung von Lerneinheiten im Bereich der Phonologie, Phonetik und Orthographie

5.1. **Vorbemerkung:** Der phonetisch-phonologisch nicht geschulte deutsche Leser steht gewöhnlich unter der Suggestion des Schriftbildes seiner Muttersprache, weshalb ihm ihr tatsächlicher Lautbestand meist kaum bewußt ist. In extremen Fällen hört man sogar die Ansicht, im Deut-

# „Kiel pliviglig̃i la grupojn“ (I)

Ŝajnas, ke estas ĝenerala problemo en la Esperanto-movado *kiel-maniere fari la gruplaboron pli intensiva, pli interesa, pli aktraktiva.*

Eĉ dum la 58-a Universala Kongreso en Beogrado oni diskutis tiun temon, iom akriginte la demandon *„Ĉu Esperanto povas sukcesi sen lokaj grupoj?“* Nu, tiu demando estas iom sensenca, ĉar oni povus kompreni „E-to ne povas sukcesi kun ...“ kio estas same malĝusta kiel „E-o povas sukcesi kun ...“ Kiel ni scias, pri sukcesigo (tio signifas enkonduko oficiala) de internacia-lingvo decidas tute aliaj faktoroj en tute aliaj dimensioj ol lokaj grupoj. Tamen la lokaj grupoj ludas definitan rolon ĉe tio „sukcesigo“.

*Pri sukceso de internacia lingvo decidas*

a) objektiva socia bezono (ĝi kreskas)
b) matureco de la internacia socia situacio (ĝi evoluas pozitive)
c) praktike kaj teorie pruvebla taŭgeco kaj elproviteco de planlingvo (ĝi ekzistas praktike en Esperanto, mankas multa teorio)
d) kaj konklude el ĉio-ĉi internacia interkonsento de registaroj pri tiu politike kaj teknike tre komplika paŝo.

*El tio sekvas i. a. tri aferoj:*

1. Estas tute iluzie, ke la Esperanto-movado el si mem, kiel „premgrupo“ (influa faktoro k. t. p.) povas ĝeneraligi la lingvon (Bv. kompari miajn artikolojn en GDR-Paco 1971 kaj 1972). Nur registaroj ĝeneraligus. Sed la movado devas liveri la praktikan mikromodelon de vere racia kaj justa internacia lingva interkomprenig̃o pere de konscie kreita simpla kaj esprimkapbla lingvo. La movado devas nedisputeble pruvi la taŭgecon de Esperanto. Praktike tio funkcias i. a. per la agado de lokaj grupoj!

   Kaj jen i. a. per la agado de la lokaj grupoj. Sed postrestas la scienca klarigo de tio, kio funkcias kaj la scienca esploro de ĉiuj problemoj ligitaj al la funkcio kaj monda enkonduko de internacia lingvo. Proporcie al la kreskanta signifo de scienco tio pli kaj pli fariĝas netolerebla. Pri la teoriaj problemoj devas okupiĝi interlingvistiko.

2. La movado devas zorgi, ke la lingvo plene evoluu kaj adaptiĝu al ĉiuspecaj postuloj de la moderna internacia komunikado. (Ekzemple mankas multo rilate la apliko de Esperanto kiel faklingvo).

   Kaj denove: por la lingva evoluo de esenca graveco estas la agado de la lokaj grupoj.

3. Senkonsidere al la iama eventuala enkonduko aŭ neenkonduko de Esperanto, la internacia apliko de tiu lingvo donas al la uzanto tiom da intelekta ĝuo, tiom da klerigo (pri lingvo, pri internaciaj problemoj, internacia amikeco k. t. p.), ke vere ĝi jam fariĝis grava (sed ĝenerale forte subtaksita) politike kaj kulture kleriga faktoro. Kompreneble ĝi povas fariĝi nur tial grava kleriga faktoro, se oni forlasas sektecan izolitecon kaj vere vaste uzas la lingvon por la internaciaj rilatoj, por la homa progreso. Kaj ĉi-tie denove la lokaj grupoj ludas esence gravan rolon.

Ni do jam pro tiuj strategiaj pripensoj devas absolute ĉion entrepreni por plifortigi la grupojn. *Tio estas valida por la Esperanto-movado ĝenerale.*

Konsiderante la movadon en GDR la lokaj grupoj ludas eminente gravan rolon ĉe la realigo de la gvidprincipoj. Sen bone funkciantaj grupoj la

subdistriktaj kaj distrikaj estraroj, kaj kompreneble ankaŭ Centre Laborrondo, ne multon povas fari. Tio des pli evidentiĝas, ju pli da praktikaj rilatoj evoluadas kun niaj najbaraj socialismaj landoj. Tutaj grupoj, multaj individuoj (kiuj bedaŭrinde ofte rigardas Centran Laborrondon kiel vojaĝoficejon) volas kontakti kaj kunlabori kun GDR-esperantistoj. Tio estas ĝojiga kaj pozitiva kaj fariĝas tamen malfacila organiza problemo, se mankas bone funkciantaj grupoj. *Ne havante funkciantajn grupojn, ni fordonacus bonegajn ŝancojn kaj*

a) ni ne sekcesus, realigi la noblajn celojn fiksitajn en la gvidprincipoj, kiuj tute harmonias kun tiuj de nia socialisma socio; b) ni ne sukcesus, pruvi la taŭgecon de Esperanto kaj la potencon de niaj peresperantaj internaciaj rilatoj; c) ni ne sukcesus, grave kontribui per nia praktika laboro al la kresko de kompreno pri neceso kaj utilo de internacia lingvo en la batalo por paco kaj homa progreso.

Ja, feliĉe, ni havas funkciantajn grupojn en multaj lokoj de GDR, kion pruvas bonegaj laŭdindaj aktivecoj.

Sed ja, malfeliĉe, ni ankoraŭ havas tro multe da surpaperaj grupoj, kiuj tute aŭ preskaŭ dormas.

La minimumo estas, ke ĉiu subdistrikta laborrondo ĉiujare organizu nepre kursojn por komencantoj kaj vivtenu progresantan grupon. Eble oni diros, ke de la kursoj ĝenerale nur restos kelkaj homoj aŭ, eĉ neniu plifortigos la grupon. Certe, en multaj kazoj estas tiel. Sed ankaŭ, feliĉe, ekzistas multnombraj positivaj spertoj.

Tamen oni devas kompreni, eĉ se de la kurso neniu aliĝus al la ekzistanta grupo, *la kurso tute ne estis vana.* Kial ne?

1. Aro da interesuloj ricevis impreson pri Esperanto. Ni esperu kaj su pozu, ke tiu impreso ĉiam estas pozitiva (tio plene dependas de la kursestro).
2. Kiel pruvas spertoj multaj kursanoj devis forlasi la kurson pro profesiaj aŭ privataj kaŭzoj kaj tute ne pro Esperanto (sed ofte pro malbona rego de la gepatra lingvo!) aŭ la malbona kursgvidanto (kio tamen ankaŭ, bedaurinde, sufiĉe ofte okazas). Ili ĝenerale diversmaniere pozitive propagandas por Esperanto. Ili ĉiuj havas diversajn sociajn kontaktojn (en profesio, familio, socia aktivado k. t. p.) kaj povas influi la kreskon de scio pri Esperanto.
3. Multaj homoj forlasintaj la kurson antaŭ ties fino, tamen ofte konservis al si intereson por Esperanto, kiu ilin iam denove direktos al kurso aŭ kiu ilin alimaniere pozitive agigas por Esperanto. Por ambaŭ kazoj ekzistas multaj pruvoj el la praktiko.

Do fakte ne ĉiuj eks-kursanoj, ne finintaj la kurson aŭ ne aktivantaj en la grupoj, estas perditaj.

Tion ni nepre komprenu. Oni ankaŭ konsideru, ke en aliaj fremdlingvaj kursoj de 30 personoj ofte nur restas 2—3 kaj ili *ne* ekaktivados en iu societo, ekzemple por la franca lingvo.

Do se el unu kurso elkreskos 1—2 *vere aktivaj* esperantistoj, oni povas esti kontenta.

Bedaŭrinde la specifikeco de nia laboro ĝenerale ankoraŭ ne donas multe pli altajn rezultojn, kvankam ekzistas tre laŭdindaj esceptoj. Relative rigardate, tamen ĝenerala pozitiva evoluo de nia laboro ne estas ignorebla.

*(daŭrigota) D. Blanke*

# Urlaub an der Ostsee

*von Rudi Graetz*

Welcher DDR-Bürger wünscht sich nicht in jedem Jahre einen schönen Urlaubsplatz an der Ostsee? Ich hatte also mit meiner Familie das Glück, einen solchen Urlaub im Juni 1973 bei herrlichem Wetter in *Miedzydroje* (pr. Mjenzizdroje) auf der Intel *Wollin/Volksrepublik Polen* zu verbringen.

Es waren herrliche Tage im Kreise von Esperantisten aus sieben Ländern. Sie kamen aus der ĈSSR, der DDR, Polen, Ungarn, der SU, Finnland und Schweden.

Es wurde ein interessantes und abwechslungsreiches Programm geboten. So gab es *Lichtbildervorträge, Tanzabende, eine Sonnenwendfeier, Liederabende und andere Veranstaltungen.*

Trotz des guten Wetters nahmen alle Anfänger regelmäßig an einem *Vormittagskursus teil,* der von *Stefanie Palica* interessant und intensiv gestaltet wurde. Der Vorsitzende des Polnischen Esperanto-Verbandes (PEA), *Stanislaw Ŝvistak,* verstand es ebenfalls sehr humorvoll und instruktiv, die erfahrenen Esperantisten zu fesseln, so daß 21 Sprachfreunde während der ganzen Dauer des Ferienaufenthaltes an seinem Zirkel teilnahmen.

Ausflüge nach *Swinoujŝcie* (Svinouŝje) und *Szczecin* (Ŝĉecin) sowie in die Umgebung von Miedzyzdroje unter Leitung von *Stanislaw Gonczaruk* (Gonĉaruk) wurden zu wirklichen Erlebnissen, auch für die Kinder der Esperantisten. Für ihre fleißige Arbeit gebührt ihnen und ihren stillen Helfern der Dank aller Teilnehmer. Für die ausgezeichnete Organisation, für die angenehme Unterbringung in Bungalows, sowie für wohlschmekkende Speisen sorgte unsere polnische Sprachfreundin *Ĵuta Dolgowska* als Mitarbeiterin von „Gromada".

Auch dieses Ferienlager in Polen mit einem herrlichen Strand an der Ostsee erwies sich nicht nur als nützlich für die Vertiefung der Freundschaft zwischen den Esperantisten aus den verschiedenen Ländern, sondern auch für die Erhöhung des Sprachniveaus durch die tägliche Praxis und die Zirkel und durch den Erfahrungsaustausch. Selbst für meine vierjährige Enkelin gab es erste Spracherfahrungen und viele neue Freunde. Dieser Urlaub im internationalen Kreise bereitete ihr viel Freude. Ich kann daher unseren DDR-Esperantisten nur empfehlen, in Zukunft mit ihren Familien mehr Gebrauch von diesen Ferienlagern zu machen, die seit Jahren nicht nur in Polen, sondern auch in Bulgarien, der ĈSSR und in Ungarn durchgeführt werden. Der Teilnehmer-Preis in Miedzyzdroje betrug für die Zeit vom 17.—28. 6. 1973 (Übernachtung, täglich drei Mahlzeiten, Teilnahme an den Kursen, einschl. einiger geselliger Abende) pro Erwachsener 300 Mark.

**Resumo:**

La verkinto priskribas Esperanto-feriadon en la ĉebaltika Miedzyzdroje, Pollando, kiun li travivis kun familianoj en junio 1973. Partopreni ĝin por ĉiuj estis vera plezuro, ankaŭ por la infanoj. Ĉeestis esperantistoj kun siaj familianoj el sep landoj. Tia feriado montriĝas taŭga ne nur por la profundigo de la amikeco inter la diversnaciaj esperantistoj, sed ankaŭ pro la altigo de la lingva nivelo, dank' al la vigla praktikado de la lingvo, al bona instruado kaj interŝanĝo de spertoj.

# INFORMOJ

**Artikolo en „Sowjetfrau“ 6/73**

En nro 6/73 de la germanlingva eldono de „Soveta Virino“, kiu aperas en Moskvo, estas presita ampleksa artikolo „Esperanto kaj amikeco“ de Detlev Blanke, kiu resumas kelkajn tradiciojn kaj aktualaĵojn de germana-soveta amikeco per Esperanto. La aŭtoro ankaŭ speciale mencias siajn personajn spertojn. La artikolo en taŭga maniero kunligas gravan politikan temon kun informo pri la valoro de Esperanto.

**Denove artikolo pri Esperanto en grava GDR-revuo**

La popularscienca monata revuo de GDR, „Urania“, en n-ro 5/1973 publicis dupaĝan artikolon „International Esperanto“ de Detlev Blanke. La revuo aperas en eldonkvanto de 120 000 ekzempleroj kaj apartenas al la dokumentitaj publicaĵoj, t. s. ke oni eltiras el ĝi bazajn informojn.

La artikolo, kvankam ĝenerale bona, estas forte redaktita. La originalo troviĝas en „de“ 57/58, pĝ. 7–9.

Tion oni konsideru legante ĝin. Tio estas post „Freie Welt“ 50/72 la dua granda influhava organo de GDR, kiu amplekse raportas pri Esperanto.

**Denove intervjuo**

En „Neue Berliner Illustrierte“ („NBI“), n-ro 37/73 aperis sur du plenaj paĝoj riĉe ilustrita intervjuo pri Esperanto kun la prezidanto de Centra Laborrondo Rudi Graetz. La revuo aperadas en ĉ. 1 miliono da ekzempleroj.

**„Freie-Welt“-intervjuo en japana gazeto „Verda Kolombo“**

La organo de Japana Pacdefenda Esperanto Asocio, sekcio de MEM, publikigis la intervjuon donitan de D. Blanke al „Freie Welt“ (50/1972). Krome aperis partoj el la intervjuo en la bulgara instruista (bulgarlingva) gazeto kaj en „Bulgara esperantisto“.

**300 – foje Esperanto en „Der Morgen“**

Verŝajne treege malofta aŭ eĉ unika estas la kazo, ke taggazeto aperigas *pli ol 8 jarojn regule serion da artikoloj pri aŭ eĉ en Esperanto.* Kaj tia taggazeto estas „Der Morgen“ (La Mateno), organo de la Liberal-Demokratia Partio de GDR. Ek de la fondo de Centra Laborrondo (en 1965) ĝi *seninterrompe aperigas 80-linian artikolon*, ĝis 1968 ĉiudimanĉe (!) kaj ek de 1. 9. 1968 ĉiun duan dimanĉon.

En n-roj 1–52 *Paul Lindner* prezentis lingvokurson, la kontribuoj 53–83 enhavis diversajn ekzercojn, ĉefe plursencajn germanajn vortojn en Esperanta traduko. 1969 Paul Lindner mortis kaj *Peter Levsen*, esperantisto el Berlin, verkadas ek de la kontribuo 186 por la rubriko. En la n-roj 186–190 estis prezentitaj ĉirkaŭ 200 proverboj en Esperanto. De n-ro 191–250 sekvis dialoga kurso, iom adaptita laŭ la materialoj de *Andrzej Pettyn*, kaj ek de la 250-a kontribuo sekvas bunta plej diversa mozaiko pri la apliko de Esperanto. la movado, lingvaj ekzercoj, teoriaj artikoloj k. t. p. Menciindas, ke Peter Levsen en „Der Morgen“, pro la bonaj rilatoj al CLR, liveras plej aktualajn informojn el la Esperanto-movado.

# INFORMOJ

Do nepre ĉiu esperantisto el GDR devus aĉeti la gazeton.

Tamen, la eĥo inter tiuj, por kiuj estas verkata la rubriko, tute ne estas kontentiga. La plua vivo de la serio dependas de vi, geamikoj! *Donu iom da eĥo kaj skribu al „Der Morgen", Esperanto-Ecke, 108 Berlin, Johannes-Dieckmann-Str.*

**Artikolo de Graetz en KB-informilo**

En „Mitteilungsblatt des Kulturbundes der DDR 1/1973 aperis tutpaĝa artikolo de Rudi Graetz pri spertoj de esperantistoj en internaciisma agado.

**Pri la malfrua aperado de „der esperantist".** Multiĝis lastatempe la plendleteroj en nia oficejo, ke „der esperantist" tiel ege malfruiĝis. Certe, ĉiuj tiuj plendoj estas tute pravaj.

Tial ni volas informi ĉiujn niajn legantojn pri la kaŭzoj de tiuj malfruiĝoj.

La redakcio akurate liveras la manuskriptojn al la presejo tie pro multaj teknikaj kaŭzoj (laste ekzemple maŝindefekto 3-semajna) presado daŭras ege longe. Tiel ofte kelkaj informoj, bedaŭrinde, malaktualiĝis. (ekz. anoncoj de internaciaj aranĝoj). Sed bv. kompreni, ke pri tio la redakcio neniel kulpas. Bedaŭrinda estas la reago de kelkaj esperantistoj, kiuj malmendas la gazeton, kaj vere neniel pravigebla. Se al tiuj esperantistoj" nia laboro, nia agado, niaj celoj kaj atingoj tiel malmulton signifas, malabono de „der esperantist" nur povas esti logika sekvo de aliaj kaŭzoj.

Ni ĉiam devas venki malfacilojn, kontraŭdirojn, diversajn problemojn, kaj ni multrilate bone progresis. Certe ankoraŭ multo estas farenda kaj tute ne kontentiga. Sed fideleco al „der esperantist" certe ja estas io baze postulenda. En tiuĉi senco ni petas niajn legantojn pri komprenemo. Ni streĉos ĉiujn fortojn por plibonigi la situacion.

La red.

**Solidareco**

Amiko *Albert Weinhold* el Leipzig apartenas al tiuj homoj, kiuj senbrue sed persiste kaj precize realigas la transdonitan taskon. Jam multajn jarojn li estas la ĉefa persono, kiu senlace kaj kun admirinda lerteco zorgas pri la distribuo de Esperanto-literaturo. Krome li kasas kotizojn. Sed ne nur tial tiujn liniojn. Albert Weinhold faras pluan tre bonan aferon. Li kolektas monon por povi aĉeti stokon de la eldonota libro „Nuda inter lupoj" por povi ĝin donaci al la vjetnamaj kamaradoj. Vere, tio estas tre laŭdinda kaj *sekvinda* modela ago.

**Kolektu por Vjetnamio**

La esperantistoj de Leipzig kolektis dum la lastaj monatoj sumon de 261,— M por Vjetnamio.

**Pola gasto en Weimar**

La distriktkunveno, okazinta la 26-an de majo 1973 en Weimar, donis ekzemplon, kiel la esperantistoj povas subteni la plenumon de kelkaj politikaj kaj kulturaj taskoj de nia nuntempo. — La aranĝo celis pliprofundigi la ami-

kajn rilatojn al nia socialista najbara ŝtato Pollando, ĝi devis montri la utilon de nia komuna lingvo Esperanto kaj fine ankaŭ kontribui firmigi la scipovon, kompreni kaj paroli tiun lingvon.

En la unua parto de la programo s-ro *A. Turek el Krakov* resumis la politikan kaj kulturan signifojn de la mondfama urbo Krakov rilate al la historia evoluo de Pollando. Lumbildoj pri la valoraj arttrezoroj de Wawel kaj ankaŭ pri la pitoreska ĉirkaŭaĵo de tiu urbo kompletigis la prelegon. — Poste la polaj kaj germanaj esperantistoj interŝanĝis spertojn, parolis pri siaj problemoj kaj sukcesoj kaj ricevis multajn instigojn por la estonta laboro.

Per tiuj distriktkunvenoj estonte ni volas krei ankaŭ kontaktojn al la aliaj socialistaj ŝtatoj por ĉiam pli forte interligi la homojn de nia ŝtataro.

G. Hornbogen

**Leningrada gasto en Dresdeno**

La 10. 5. 1973, du tagojn post la 28-a datreveno de la liberigo de nia popolo el la jugo de faŝismo, partoprenis en nia aranĝo la jam longe atendita gasto *Barbara Cvetkova el Leningrado.* La dresdenaj Esperantistoj konas ŝin ek de la vojaĝo per speciala vagonaro al nia ĝemela urbo.

Je la komenco de nia kutima aranĝo nia gasto parolis kaj salutis nin en la nomo de leningradaj Esperantistoj kaj post la programo ordinara ni ankoraŭ longe diskutis pri diversaj temoj rilate al niaj ĝemelaj urboj.

Por la dresdenaj Esperantistoj tiu renkontiĝo estis tre valora kaj neforgesebla. Ni esperas, ke helpe de subskribota kontrakto inter niaj urboj ni pli ofte havos la eblecon, saluti gastojn el Leningrado inter ni. Tiel ni ekkonas tiun urbon kun ĝiaj homoj, interesaj kolektaĵoj, konstruaĵoj kaj konataj industriaj entreprenoj.

E. Berndt

**IV-a distrikta renkontiĝo**

La IV-a renkontiĝo de la laboremaj esperantistoj el la distrikto Neubrandenburg okazis la 6-an de majo 1973 en Anklam.

Inter la honoraj gastoj, partoprenintaj la renkontiĝon estis pola delegacio el Szczeczin kaj Koszalin, prof. d-ro Falkenhahn el Berlin, k-do Paul Brinkmann, reprezentanto de la distrikta gvidantaro de Socialisma Unuiĝinta Partio kaj la subdistrikta prezidanto de la Kulturligo en Anklam.

La prezidanto de DLR, Werner Pfennig, donis superrigardon pri la farita laboro. Sekvis brila prelego de profesoro Falkenhahn (esperante kaj pole) pri la komparo de lernunuoj (aŭ lernpaŝoj) en Esperanto kompare al naciaj lingvoj. Prelego pri la urbo Anklam, posta vizito de la urbo kaj amika kunesto finis la interesan tagon.

**Intervjujo en fabrika laŭtparolilo**

Okaze da granda efika solidareca ekspozicio por la heroa Vjetnamio per Esperantaĵoj en industria grandentreprenejo en Ronneburg la tieaj esperanto-amikoj popularigis la rigardon de la vitrinoj per laŭtparolilo.

# INFORMOJ

Jen kelkaj demandoj parolitaj sur sonbendon:

1. Kiel ebliĝis, ke vi kun via lerneja Esperantogrupo en Ronneburg povis ekpreni kontakton kun Vjetnamio?
2. Kio estas Esperanto,
3. Kian perspektivon havas Esperanto!

Jam nun montriĝas, ke la intereso por Esperanto estas vekita. Post popular-scienca forumo kun lumbildoj oni intencas organizi elementan Esperanto-kurson en la entreprenejo. Kurt Heeg

**Spertinterŝanĝo de kursgvidantoj**

Jen imitinda distrikta iniciato en Reichenbach, distr. Karl-Marx-Stadt. La 23-an de junio 1973 tie kunvenis 14 kursgvidantoj kaj pliperfektiĝemaj aktivuloj por spertinterŝanĝo speciale pri problemoj de instruado de Esperanto. La gvidadon de la altnivela aranĝo havis s-ro Erich Würker, membro de CLR. La partoprenintoj speciale spertis la valoron de laboro per sondiskoj, magnetofonbendoj kaj lumbildoj. Ili proponas al ĉiuj grupoj fari similajn aranĝojn, se eble eĉ en pli granda kadro.

(Laŭ inf. de E. Würker)

**Esperantotreffen in Vorbereitung der X. Weltfestspiele**

Am 27. Mai fand in Frankfurt/Od. in Vorbereitung der X. Weltfestspiele ein Freundschaftstreffen von jungen Esperantisten aus der VR Polen und der DDR statt. Aus beiden Ländern waren je neun Esperantisten an diesem Treffen beteiligt. Als Verständigungsmittel diente ausschließlich die internationale Sprache Esperanto, die bei dieser Gelegenheit wieder ihre Vorzüge bei der freundschaftlichen Verständigung zwischen den Völkern unter Beweis stellte.

Die Schirmherrschaft über das Treffen übernahm die Bezirksleitung des Kulturbundes der DDR des Bezirkes Frankfurt/Oder und trug damit wesentlich zum Gelingen des Treffens bei. Auf dem Freundschaftstreffen wurden zwei Dia-Tonvorträge über Warschau und den Bezirk Frankfurt vorgeführt und viele Erfahrungen über eine weitere Zusammenarbeit ausgetauscht. Den Höhepunkt bildete die gemeinsame Besichtigung der Städte Frankfurt/Od. und Slubice. Mit diesem Treffen wurde ein weiterer Schritt zur Vertiefung der Freundschaft zwischen beiden Völkern getan, und jeder Teilnehmer hatte die Möglichkeit, neue persönliche Freundschaften zu schließen.

(Raporto pri germana-pola amikeco-renkonto en Frankfurt/Oder, la 27-an de majo).

Rüdiger Ohnesorge

**Prelego en studenta klubo**

Ne estas multaj gestudentoj inter la junesperantistaro de GDR. Tial nepre necesas ion entrepreni. Tiel ankaŭ *Rita Krips* rezonis, kaj ŝi, studentino en la Altlernejo por Ekonomio Bruno Leuschner en Berlin-Karlshorst, prelegis komisie de la studenta klubo antaŭ 25 interesitoj pri Esperanto. La tuto estis enkondukita per plaĉe elektitaj kantoj de sondiskoj kaj parto

el prelego de prof. Bokarev pri internacia lingvo, farita 1967 kaj konservita sonbende. Sed la granda surprizo tutcerte estis la partopreno de la ĉarma *Ĝorĝetta el Sofia,* la 17-jara filino de la konata bulgara *Esperanto-kanzonisto Miŝo Zdravev.* Ĝorĝeta rakontis pri siaj spertoj en internaciaj infanaj kongresoj en Vieno kaj Londono kaj respondis multajn demandojn, kompreneble esperante kaj per la traduko de Rita.

Multaj studentoj diskutis, rigardis la malgrandan ekspozicion kaj estis forte impresitaj. Kelkaj esprimis la deziron serioze ellerni la lingvon. Eble ni finfine havos nian unuan studentan esperanto-klubon? Kiu scias. Sed la komenco estis bona. Pripensinda kaj imitinda por ĉiuj studentoj-esperantistoj en niaj diversaj altlernejoj.

**Ne forgesu aŭskulti Varsovion!**

Pola Radio konstante disaŭdigas siajn esperantlingvajn programojn dufoje dum tago. Havigu al vi la informbultenon de la elsendoj (kun programo) rekte skribante al Pola Radio, Esperanto-Redakcio, 00—950 — Varsovio, Box-46, Pollando. Kaj ne forgesu per viaj leteroj poŝtkartoj, sugestoj, deziroj kaj informoj vivas la elsendoj!

**Distrikta kunveno dediĉita al N. Kopernik**

La 29-an de aprilo de 1973-a jaro okazis en Potsdam la ĉi-jara *distrikta kunveno,* kiun partoprenis ankaŭ kelkaj esperantistoj el Berlin, Magdeburg kaj Neuruppin.

Ĝi estis vera astronoma kunveno okaze de la 500-a datreveno de la naŝkiĝo de la granda pola astronomo *Nikola Kopernik.* La unua kulmino do estis la prelego *„Nikolao Kopernik, lia verko kaj ĝia signifo por la nuntempo"* de Magistro *Teresa Nemere* de universitato Torun el Pollando. Per lumbildoj koloraj kaj interesa prezento ŝi konatigis la ĉeestantojn kun la vivo kaj verko de tiu fama astronomo kaj sciencisto kaj estigis viglan diskuton dum kiu ŝi sperte kaj ĉarme respondis diversajn demandojn.

La duan kulminon oni ĝuis en la *astronoma centro* meze de la „Nova Ĝardeno" sub la sperta gvido de astronomo-sciencisto esperantista *s-ro Zenkert.* Li montris ĉiujn laborkabinetojn, sciencajn helpilojn kaj aparatojn.

Fine, sidante en la ronda planetario oni aŭskultis lian prelegon pri la moviĝoj de steloj kaj planedoj, vidante super si la ŝajne senmezuran ĉielan kupolon.

Komence, kiam la salonego malrapide malheliĝis, muziko de Modart aŭdeblis, kaj kiam denove la suno leviĝis, muziko el „Peer Gynt" de Grieg akompanis la finon de la prezentado.

Por la tuta bonega aranĝo ŝuldiĝas al la potsdamaj esperantistoj sincera danko.

H. Sauerbrey

**Perditaj trezoroj!**

*Ni denove petas pripensi, ĉu ne la arkiva biblioteko de CLR estas la ĝusta loko por viaj esperantaj duoblaĵoj. La fakto, ke kelkaj riĉaj esperanto-kolektoj ĉi-jare intence estis forbruligitaj de nekomprenemaj vidvinoj (jes, vere!) nin forte*

*dolorigas kaj igas nin tute klare proponi, ke tiuj valoraj por la movado kaj scienco materialoj estu testamentataj al CLR. Ni ankaŭ aĉetas tutajn kolektojn.*

**8-a seminario 1974**

La 8-a seminario por esperantistaj kursgvidantoj kaj aktivuloj en Kulturligo de GDR okazos *de 1. ĝis 8. 2. 1974 en Thürmsdorf/Pirna.* La distriktoj kaj subdistriktoj estas petataj elekti taŭgajn kandidatojn por ĉi-tiu seminario precipe junajn aktivulojn, kiuj ankoraŭ ne partoprenis similajn seminariojn.

**Insignoj**

Denove haveblas GDR-insignoj ĉe CLR.

**„Paco" 1974**

Ek de 1974 „Paco" eldoniĝos 6-foje kaj regule en Bulgario. La prezo estos 8 germanaj markoj. Pri la pagmaniero CLR informos ĉiujn ĝisnunajn abonantojn de „Paco". Aldone al la regule aperontaj 6 numeroj de „Paco" estos senpage liverotaj okazaj kajeroj de naciaj MEM-sekcioj (Simile al la ĝis nun aperintaj Paco-kajeroj.) La redakcio de „Paco" kaj la sekretario de MEM esperas per tio restabiligi definitive la aperadon de Paco kaj *fidas al ĉiuj ĝisnunaj Paco-abonantoj, ke ili ankaŭ estonte restos fidelaj al MEM kaj ĝia organo.*

**Varbprospekto**

Aperis varbprospekto pri la aperonta finde de 1973 aŭ komence de 1974 romano „Nuda inter lupoj". Mendu kvantojn de la prospekto (en germana lingvo!) ĉe Centra Laborrondo por utiligi ilin varbcele.

**GDR-numero de „Paco" 1973**

Ankaŭ ĉijare la GDR-eldono de „Paco" estas ampleksa kaj enhave riĉa.
Sur 40 paĝoj, bele presitaj kaj ilustritaj paĝoj troveblas intersaj artikoloj, i. a. pri malarmado kaj hommedio, 20 jaroj MEM, X-a Junulara Festivalo, 125 jaroj Komunista Manifesto, eltiraĵo el la aperonta en Esperanto romano „Nuda inter lupoj", rememoroj de laborista esperantisto, pri la heroa batalo de la vjetnama popolo kaj la usonaj krimoj, konstruo de akvobaraĵoj en arabaj landoj, Gandhi, Bert Brecht — 75 jara, kantoj el la „Trigroŝa opero", Marx — la internacia laborista asocio kaj la lingvo-problemo, krome diversaj recenzoj de esperantlingvaj libroj kaj 120 korespondderiroj el 12 landoj.
La numero estas ricevebla ĉe CLR kaj kostas 50 pfenigojn.

**Disko de Zdravev**

En n-ro 55/56, paĝo 36, ni informis pri la ebleco mendi diskojn de Miŝo Zdravev. Bedaŭrinde la proponita ebleco, akiri tiujn diskojn, montriĝis neprava.

**Malnovaj numeroj de „der esperantist"**

Antaŭ ol sendi al ni malnovajn numerojn de „der esperantist" bv. fari al ni ofertojn. Krom la cititaj en „d. e." 55/56, paĝo 36, ni serĉas ankaŭ speciale n-ron 54 kaj 55/56.

# INFORMOJ

### Bv. korekti

En „der esperantist“ 57/58, paĝo 31, en artikolo pri kolokvio en Jena estas citita la nomo de la indonezia ŝtatlingvo. Ĝi devas korekte nomiĝi *„Bahasa Indonesia“*.

### Nova kolora prospekto pri GDR

„Por tutmonda libera komerco kaj scienc-teknika progreso“ titolas la nova 24 paĝa prospekto pri GDR, kiun eldonis la eldonajo „Zeit im Bild“ en Dresdeno. La prospekto estas ricevebla ĉe CLR por 30 pfenigoj.

### LOT en Esperanto

La Polaj Aer-Linioj LOT aperigis jam la duan informbultenon en Esperanto kaj diversajn reklamkartojn kun esperantlingva surskribo. Vi povas peti la materialon ĉe LOT, Varsovio, str. Grojecka 17. Krome LOT anoncis konkurson kun premioj pri slogano de LOT en Esperanto.

### Peto pri kunlaboro: Ni intencas dokumentadon pri Jacob Böhme

Okaze de la 500 jara datreveno de la morto de Jacob Böhme (1575–1624) en la urbo Görlitz estos realigataj specialaj aranĝoj. J. Böhme estis civitano de la urbo Görlitz. Li laboris kiel ŝuisto, sed li estis konata en la mondo pro siaj filozofiaj intencoj. La E-grupo de la urbo Görlitz volas kontribui al la jubileaj aranĝoj por J. Böhme kaj intencas malgrandan aŭ (eble per la helpo de esperantistoj en la tuta mondo) grandan dokumentadon pri la disvastigo de la ideoj de J. Böhme en la tuta mondo. Pro tio ni petas ĉiujn, kiuj volas helpi al ni, sendi al ni materialojn pri J. Böhme, t. e. reproduktadojn de titolfolioj de eldonoj de verkoj en iu lingvo, fotojn de monumentoj, reproduktadojn de poŝtmarkoj presitaj okaze de memoro pri J. Böhme aŭ fotojn de stratoj aŭ placoj, kiuj estas nomitaj laŭ J. Böhme. Nin ankaŭ kompreneble interesas rimarkoj rilate la ideoj kaj la persono de J. Böhme. Ni petas la legantojn, helpi nin kaj disvastigi nian alvokon.

*Materialojn bv. sendi al jena adreso:*

*KAG Esperanto, Kulturbund der DDR, DDR 89 Görlitz, Leninplatz 26, I (Ligoamiko J. Hoffarth).*

### Centra Laborrondo danke ricevis por la arkivo:

- *Disko* el Litova Soveta Respubliko *„Litova kanto en Esperanto“* (33 CM — 03041 — 42), longdaŭra disko, stereosona, kun tre plaĉa elekto de 12 litovaj estradaj kantoj. La disko estas mendebla per ĉiu internacia librovendejo (komparu „de“ 61/62)
- *Halvelik Manuel: Popido, la verda dialekto.* Normlingva serio n-ro 5, sonorilo — Brugge, 55 pĝ. Provo krei dialekton esperantan por povi redoni en tradukoj dialektajn parolojn.
- *Vilberg, Ebbe: La participa problemo en la Akademio,* eldono de Lingva Komisiono 1973, Göteborg, 138 pĝ., publikigo de diversaj akademiaj dokumentoj pri la ata-ita problemo.
- *La bambufluto, novelaro el Sud-Vjetnamio,* Fremdlingva eldo-

nejo, Hanoi 1973, 9 noveloj, 207 paĝoj.

— *Estonio,* kolora kajereto pri Soveta Estonio, Tallin 1972, 32 pĝ.

— *Soveta Armenio,* Erevano 1973, kajereto 30 pĝ., ilustrita, red. de Gurgeno Sevak.

— *A. T. Bazijev, M. J. Isajev: „Jazyk i nacija"* (Lingvo kaj nacio), Moskvo 1973, sociolingvistika verko, 247 pĝ. La lasta ĉapitro (215—226) „Pri la lingvo de la estonto" tre sobre analizas la problemon de internacia lingvo, substrekas ties dezirindecon kaj atentigas pri la gravaj sukcesoj de Esperanto. *Dro M. J. Isajev* estas la prezidanto de Soveta Esperanto-komisiono (Mendebla ĉe internaciaj librovendejoj).

— *Sárdonyi, Geza: Sklavoj de Dio,* el la hungara de Johano Hamvai, eld. Hungara Esperanto Asocio, Budapest 1972, 410 pĝ., broŝurita. Recenzo sekvos. Mendebla ĉe la internaciaj librovendejoj en la distriktaj urboj.

**Leteroj de niaj legantoj**

Leginte la finan artikolon pri riĉeco de Esperanto kaj pri la eĥo mi emus rimarki jenon:

Mi ne konsentas pri la 5-a konkludo „en Esperanto oni sentas certan mankon de sinonimoj". Kontraŭe, mi sentas tion kiel plibonon en Esperanto. La konata kolekto „Mehrsinnige deutsche Wörter in Esperanto" (plursencaj germanaj vortoj en Esperanto) de Loy pruvas la malklarecon de la germana lingvo pro la sinonimoj. La punkto 2 de la konkludoj ankaŭ mencias la hominimion de naciaj lingvoj kiel malhelpaĵon rilate al la klareco.

En la eldonejo „Bibliographisches Institut", Leipzig, ĵus aperis la unua eldono „Synonymwörterbuch". Tiu ĉi vortaro havas amplekson de 643 paĝoj, kiu estas granda helpo, por eviti malklaraĵojn. Por esperantistoj ĝi estas bonvena verko, por forigi la dubesencajn sinonimojn de la germana lingvo.

Grava kaj necesa estas vortaro pri parolturnoj de la diversaj lingvoj kompare al Esperanto.

Oskar Stolberg

## 18. Polnischer Esperanto-Kongreß

In der Zeit vom 24.—26. April 1973 fand in Sopot der *18. Polnische Esperanto-Kongreß* statt, an dem 420 polnische Esperantisten sowie Delegationen der Esperantoverbände der befreundeten sozialistischen Länder teilnahmen.

Der Kongreß legte die nächsten Aufgaben der polnischen Esperantobewegung fest. An der Eröffnung nahmen bedeutende Persönlichkeiten der Partei- und Staatsführung der Volksrepublik Polen teil, u. a. der *Vizepräsident des polnischen Sejm, Andrzej Benesz.*

Resumo: De 24.—26. 4. 19'3 en Sopot okazis la 18-a Pola Esperantokongreso, kiu fiksis novajn taskojn de PEA. Partoprenis eminentuloj, inter ili la vicmarŝalo de la pola parlamento (Sejm), s-ro Andrzej Benesz.

# INFORMOJ

**Komunikaĵo**

**Reprezentantoj de Esperanto-organizaĵoj el socialismaj landoj kunvenis la 19-an kaj 20-an de marto 1973 en Budapest kaj priparolis problemojn de plua kunlaboro de siaj asocioj por pli efika uzo kaj disvastigo de la internacia lingvo Esperanto en la servo de paco kaj socia progreso.**

*Budapest, 20. 3. 1973*

**Amikeco trans limo ĈSSR – GDR**

Konforme al antaŭa interkonsento, dum prepara interparolo la 1-an de aprilo 1973 en Ostrov nad Ohři, ĈSSR, veturis la 9-an de junio 1973 40 geesperantistoj el la distrikto Karl-Marx-Stadt kune kun kelkaj gegastoj el najbaraj lokoj al Ostrov por partopreni amikecan ĉeĥa-germanan renkontiĝon dum Pentekosto.
Sur diversaj vojoj, per fervojo al Karlovy Vary, piede trans la landlimo de Oberwiesenthal al Boži Dar, atingis la partoprenantoj la celon kaj renkontiĝis en Ostrov kun Esperantistoj el multnombraj nordbohemaj urboj kaj lokoj.
Jam la akcepto en Ostrov estis agrabla surprizo. La kadro de la kunveno, moderna Kulturdomo kun kinejo kaj restoracio, la bone aranĝitaj tranokteblecoj, la publika; anonco per afiŝo de la renkontiĝo sub la devizo: „Amikeco trans landlimo ĈSSR–GDR" pruvis la konstruktivan preparlaboron flanke de la ĉeĥaj amikoj.
La de la kamaradoj en Ostrov starigita programo enhavis tre interesajn punktojn: i. a. malfermo kun esperantlingvaj filmoj, amikeca vespero, ekskursoj.

Dum la dutagaj aranĝoj ni ne nur konatiĝis kaj bone interkompreniĝis, sed klopodis klarigi la rolon de Esperanto sub la kodiĉoj de la socialisma sociordo, ricevis kaj donis reciproke instigojn por celkonscia estonta laboro.

La ekskurso per pendŝnurveturilo al la pinto de Klinovec kaŭzis multan plezuron. Nur tro rapide pasis la horoj. Distra vespero per lumbildoj kaj deklamoj finis la renkontiĝon. La amikoj en Ostrov meritas altan laŭdon pro la montrita gastameco. Ni disiris kun la deziro kaj promeso renkontiĝi denove venontan jaron en la distrikto Karl-Marx-Stadt. Ĝis tiam ambaŭ flankoj preparas amikecan kontrakton por plua fruktodona kunlaboro.

Ĉiuj sen escepto forlasis niajn ĉeĥajn amikojn plene kontentaj kaj konvinkite, ke tiu unua renkontiĝo plene atingis sian celon, profundigi la amikecon inter niaj socialismaj najbaraj landoj.

*Erich Würker*

**Konferenco en Moskvo pri la lingvo de internacia komunikado**

En la Instituto de Rusa Lingvo de Scienca Akademio de USSR, okazis konferenco inter 24–27 de oktobro 1972 pri la temo: *„Interrilato de naturaj kaj artefaritaj lingvoj"*.

Dum kvar tagoj scienculoj-lingvistoj pridiskutis multflankajn aspektojn de la lingvaj problemoj, konsideradis detalojn de interligo de diversaj homoj, kiel interne de nacioj kaj popoloj, tiel ankaŭ inter nacioj de diversaj kontinentoj. Precipe interesa estis la kunsido de la lasta tago: la 27-a de oktobro. Tiam kolektiĝis pli ol 100 personoj. La bazan raporton faris docento *D-ro*

# INFORMOJ

*M. I. Isajev* (Moskvo) pri la temo: *„Naturaj kaj artefaritaj lingvoj en la tutmonda interkomunikado“.*

Tre konvinke li karakterizis la perspektivan progreson de la aktualaj internaciaj interrilatoj kaj samtempe la neceson utiligi la rimedojn de la internacia interkomunikiĝo. Li emfazis, ke la kvin (kaj estonte ĝis dekdu) naciaj lingvoj utiligataj en UNO neniel povas plene solvi la lingvan problemon, ĉar ili postulas intensan laboron de multaj tradukistoj kaj konsumon de grandaj materialaj rimedoj. Tio urĝas la solvon de la problemo, kiel utiligi unu solan lingvon por internacia komunikado. Multnombraj esploroj kaj eksperimentoj pruvas, ke por tiu rolo plene taŭgas Esperanto, sukcese aplikata jam en ĉiuj landoj plurajn dekojn da jaroj.

La kunparolantoj de M. I. Isajev estis:

1. *S. N. Kuznecov* (Moskvo) pritraktis la problemon *pri la tipologia klasifiko de internaciaj plan-lingvoj.* Sufiĉe detale li karakterizis kelkajn internaciajn lingvojn, dividante tiujn per rangado laŭ nivelo de komplikeco, konstruo kaj aliaj funkciaj apartaĵoj. El la komparado evidentiĝis la avantaĝo de Esperanto super ĉiuj konkuraj lingvoj.
2. *V. F. Grigorjev* (Moskvo) raportis pri *kelkaj problemoj de normalizado en la strukturo de la internacia lingvo Esperanto* kaj konvinke pruvis, ke la normala evoluo de Eo estas konvena al la aktuala situacio kaj tute klara socia fenomeno, kiel en la naturaj naciaj lingvoj.
3. *V. A. Vasiljev* (Moskvo) parolis pri tio, kiaj estas la *lingvo-strukturaj, instruo-metodikaj kaj sociologiaj premisoj por la apliko de la lingvo de internacia komunikado en la ĉiutaga uzado.* Li aprecis objektive la ĉi-koncernan situacion nun ekzistantan, menciis la sukcesan utiligadon de Eo en la UNESKO-organizaĵoj kaj la malperfektaĵojn de la maŝina tradukado.
4. *Prof. D. L. Armand* (Moskvo) citis multajn ekzemplojn pri la ebleco, *kiel uzi praktike Eon cele de scienca informado,* kaj proponis presi resumon de sciencaj artikoloj en Eo en formo de slipoj, el kiuj poste oni povas kompili sliparon laŭ sciencofakoj.
5. *Dro A. I. Vaitilaviĉus* (Vilnius) karakterizis la *vortaran enhavon de Eo kompare kun la vortaroj de la etnaj lingvoj.* Li notis, ke la eblaĵoj de vortkonstruado en Eo estas preskaŭ senlimaj, kio donas al ĝi avantaĝon super la etnaj lingvoj.
6. *E. A. Mozerts* (Riga) parolis pri la *interrilatoj de la „naturaj“ lingvoj (latva, rusa, angla) kaj de Eo.* Li eksplikis detale la problemon de interferenco kaj transferenco ĉe la komparo de apartaj lingvoj kaj iliaj gramatikaj specifikaĵoj, la influon de unu lingvo al la alia dum ilia samtempa lernado.
7. *A. M. Liftgeim parolis pri grafiko kaj ortografio de la naturaj lingvoj kaj planlingvoj.* Li tuŝis la komplikecon de la ortografio en kelkaj etnaj lingvoj kaj la malfacilecon de ilia posedo, dum la ortografio de Eo estas tre simpla, bone komprenebla: al unu litero respondas unu sola difinita sono; tio tre simpligas ĝian ellernon.

La kunsidoj de la konferenco pasis sur alta scienca nivelo.

*Inĝ. T. Kulagin (Moskvo)*

# KORESPONDDEZIROJ

## Bulgario

Ministo, serĉas korespondanton den GDR. Andon Dimov Valĉanov, Bulv. Kolarov 66 A-1, **Dimitrovgrad**

Elektroteknikisto, 38 jara, serĉas koresp. en GDR. Stojan Šopov, str. D. Gruev 16, **Targovište**

## ČSSR

Serĉas korespondon kun interesuloj pri scienc-fikciaj kaj fantaziaj temoj, speciale kun studantoj de nordaj lingvoj. Ivo Zelezny, poŝtkesto 7, CS-150 06 **Praha 56**

Junulo, 24 jara, dez. koresp. tutmonde. Gustav Heczko, kol. dum. vzkg Provez-nická 613, 705 00 **Ostrava 5**

Junulo, 21 jara, dez. koresp. Milon Hlincik, Vyškonická 31/907, **Ostrava 4**

Dez. koresp. **Dr.** phil. Vladislav Pindroch, **Leŝany,** 27, 539 74 Piedhrdi

Knabinoj, 15 jara, dez. korespondi kun GDR-geanoj: Irena Koćiková, Malá Bystricé ć. 153, 75627-p **Val. Bystrice,** okr .Vsetin — Eva Mahinova, 75627 **Val. Bystrice** ć. 577, okr. Vsetin — Alena Miholašová, Malá Bystrice ć. 19, 75627 **Val. Bystrice,** okr. Vsetin

## Finnlando

Studento, 22 jara, kol. bk dez. koresp. kun gestudentoj. Raimo Tuisku, Etelätie 1 A 6, 35820 **Mänttä**

## Francio

Filologo kaj verkisto dez. koresp. pri lingvaj, interlingvaj problemoj, literaturo kaj poezio. Daniel Carion, 12 rue Racine 93 120 **La Courneuve**

Dez. interŝ. unuatagajn kovertojn Paul Leduc, 35 Av. ND du **Lac Angers** 4900

## Granda Britio

Dez. koresp. kun suferantoj de la neinfekta haŭtmalsano psoriazo. Ken Hadler, „Croft House", The Croft, **Hastings,** Sussex

Ludkartoj el la tuta mondo (nur kompletaj sendifektaj kartaroj) serĉataj de aŭtoro de priludkarta verketo. George Beal, 18 Elmscott Gardens, Winchmore Hill, **London,** N 21 2 BP

## Hungario

Dr. Margareta Kishazi serĉas koresp. en GDR, Tanacskozt. ter 78 H-6800 **Homezövasarhely**

Junulo, 21 jara, dez. koresp. pri muziko, turismo, literaturo. Janos Erki, H-7400 **Kaposvar, Pf. 202 D**

Junulo, 19 jara, interes. pri muziko, Toth Laszlo, H-8000 **Szekesfehervar, Sár ut.** 8, dez. koresp. kun knabinoj

Gelernantoj 13—14 jaraj dez. koresp. kolektive aŭ individue. Esperanto-grupo H-5123 **Jaszarokszallas,** Dobo ut. 11

## Japanio

Havenlaboristo, 25 jara, membro de japana MEM-sekcio, dez. koresp. kun GDR-esp-istoj, Takahashi-Yoshiteru, 6-15 Sakashita-Cho Isogo-Ku, **Yokohama** 235

## Kubo

Lernantino de 12-a klaso, 18 jara, dez. koresp. Gisela Salazar Timenez, Merced 212, entre Haba y Compostelo, **Habana 1**

## Nederlando

Anoj de la klubo „UNUECO" dez. korespondi. S-ino J. A. v. d. Meulen, Popelstraat 13, **Krommenie**/Asendelft

## Pollando

Vroclava Hobio-Klubo havas pli ol 2 mil anojn. Anoncas en sia bulteno senpage adresojn de esperantistoj-kolektantoj. Skribu al Wroclawski Hobby-Club, ul. Jatki 1/2 PL 50-111 **Wroclaw**

Aŭtisto, 21 jara, dez. koresp. pri turismo, muziko, kol. prospektojn, aŭtomobil-

# KORESPONDDEZIROJ

etikedojn, flagetojn de urboj. Gregoro Scherfler, 59-900 **Zgorzelec,** str. Szymanowskiego 29

Dez. koresp. Witold Jan Pawel Czerwinski, str. Tysaclecia 83, 58-309 **Walbrzych**

Dez. koresp. Dorota Goscinska, 61818 **Poznan,** ul. Chudoby 6 m 5 a

## Rumanio

Ekonomistino, 45 jara, dez. koresp. Szücs Irene, **Oradea,** str. Barzei 41

Programisto por elektronaj komputiloj, 23 jara, dez. koresp. kun samfakuloj el GDR, ČSSR, Pollando, USSR, reciproka vizitado dezirata. Vajdo Joan, **Brasov,** str. Dupa Iniste No 44

## Soveta Unio

Esperantistino, 50 jara, dez. koresp. pri muziko, literaturo, pm, pk. Rita Ott, Pärnu Raj **Häädemeeste** 203633

Anoj de Esperanto-Klubo de Universitato de Tjumen dez. koresp. kun gestudentoj el GDR. Esperanto-klubo 625009 **Tjumen,** p. k. 8

Lernanto, 16 jara, dez. koresp. pri ĉiuj temoj. Guŝko Aleksandro, Tajkos pri. 10—49 235890 **Klajpeda,** Litova SSR

Lernanto, 14 jara, dez. koresp. kol. bk, pm. Aleksandro Silić, str. Armaviĉskaja 16–55, 340074 **Doneck**

Dez. koresp. pri muziko itale, germane kaj esperante kun korespondemuloj ĝis 55-jaroj. Emil Grünwald, Rigas raj p. n. **Vangazi**

Vidvino, 49 jara, dez. koresp. pri div. vivtemoj Julija Drugoveiko, **Riga–19,** str. L. Lubanas iela 41, dz. 64

Studentino de biologia fakultato, 20 jara, dez. koresp. kol. bk, il. revuojn, esperantalojn. Abdullina Venera, **Tjumen–3,** 625003, do vostreb

Studentino de fremdlingva fakultato, 21 jara, pri ĉiuj temoj, kol. bk il. librojn, pm, insignojn. Sidorina Elena, 625003 **Tjumen,** str. Rijskaja 72–6

Fraŭlo, 21 jara, kol. sondiskojn. Gennadij Redin, **Saraktas,** 462120, Orenburgskaja obl. Stepnaja 35

S-rino Sinaida Pajur, 28 jara, instruistino de angla kaj Esperanto lingvoj en teknikumo. Interesas pri ĉio bela. Dez. korespondi kun ĉ. landoj. **USSR, Estonio, Pärnu** raj **Tihemetsa Sovhoz-Teknikumo**

10 gelernantoj el 6 klaso, 13 jaraj, serĉas korespondamikojn el la tuta mondo. Ĝi estas ankaŭ la naturamika rondo de la lernejo. **USSR, Estonio,** Harju raj. Aegviidu 8-kl. lernejo, „Verda Steleto“

E-rondanoj (15 persona) serĉas korespondamikojn el la tuta mondo. Abunde da interesoj. **USSR, Estonio,** Kohila, str. Vabaduse 1, Esperanto rondo „Grilo“

F-ino Mare Häusler, 20 jara, ĝardenistino. Interesas pri floroj, literaturo. Dez. korespondi kun ĉ landoj. **USSR, Estonio,** Harju raj. Harku-Järve sovhozo.

Gefratoj-lernantoj Valdek Kilk, 16 jara, Karlo Kilk, 15 jara, Meeli Kilk 13 jara (ino). Ili estas naturamikoj kaj muzikemaj. Dez. korespondi kun ĉ. landoj. **USSR- Estonio,** Rakvere raj, Vosu, Metsanurga

Membroj de la Esparanto Klubo „Juneco“, 232000 Vilnius, a/d 61, Litovio (8–30 jaraj) deziras korespondi. Skribu al fraŭlino Alijoŝiūté Irena, Žėručio 13–84, 232043 **Vilnius,** Litovio

## Svedio

Korespondadon deziras 19 jaraĝa Bo Johansson, Svedjegeatan 28, 502 53 **Boras,** Svedio

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60.
Fernruf: 22 59 91.

Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke. Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Willi Vildebrand. - Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.

Druck: Druckwerkstätte Glauchau

III-12-8 731